**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# NIAJ ELDONAĴOJ

### Verkoj de JULIO BAGHY:

**Danco Marionetoj,** noveloj tolb. 5.40, broŝ. — — 3.40
**Migranta Plumo,** noveloj tolb. 4.60, broŝ. — — 2.70
**Viktimoj,** romano tolb. 7.40, duont. 5.60, broŝ. — 5.—
**Hura!** romano tolb. 10.— broŝ. — — — — — 7.40
**Preter la Vivo,** poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — 2.—
**Pilgrimo,** poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — — 1.80

### Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:

**Lingvo, Stilo, Formo** tolb. 4.90, broŝ. — — — 3.—
Malkara eldono bind. 2.50, broŝ. — — 1.50
**Streĉita Kordo** tolb. 5.70, broŝ. — — — — — 4.—
**Rimportretoj** tolb. 4.50, broŝ. — — — — — 3.—
**Eterna Bukedo,** Internacia poemantologio, 352 paĝa.
Duonlede bindita — — — — — 11.30
Madách: **Tragedio de l' Homo** luksa 5.50, simpla 4.—
Petőfi: **Johano la brava**
luksa bind. 7.—, simpla bind. 5.20, broŝ 1.50
Goethe: **Romaj elegioj; La Taglibro,** silkebind. — 5.—
bind. 3.—, broŝ. 2.—
**Hungara Antologio** bind 14.—, broŝ. — — — 12.—
— **G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa**
**Gvidlibro** bind. 5.—, broŝ. — — — — 3.60
Dante: **Infero** bind. 11.—, broŝ. — — — — 8.80

### ALIAJ VERKISTOJ:

S. Asch—I. Lejzerowicz: **La Sorĉistino el Kastilio**
romano bind. 5.—, broŝ. — — 3.50
Grenkamp—Brzekowski: **Pri l' Moderna Arto**
bind. 9.—, broŝ. 7.—
J. Forge: **Mr Tot aĉetas mil okulojn** — Romano
bind. 5.80, broŝ. 4.—
Francisko Szilágyi: **Poemaro el Hungarlando** bind. 2.50
broŝ. 1.50
Francisko Szilágyi: **Trans la Fabeloceano** novelaro
bind. 4.50, broŝ — 3.—
Szilágyi: **La Simpla Esperanto** (gram. por hung.) broŝ. 1.35
Teodoro Schwartz: **Modernaj Robinzonoj** broŝ. — 1.50
**La Pentroarto en la malnova Hungarujo,** kun 95
ilustraĵoj duonlede bindita — — — — — 15.50
L. Totsche: **De Paĝo al Paĝo** studoj bind. 4.—, broŝ. 2.50
Engholm: **Homoj sur la Tero** romano bind. 5.—, broŝ. 3.60
Kenelm Robinson: **Homarisma Laboro** broŝ. — — 0.60
I. Ŝirjaev: **Peko de Kain** broŝ. — — — — — 1.—
H. Weinhengst: **Turstrato 4.** romano bind. 5.50, broŝ 4.—
E. Aisberg: **Fine mi komprenas la radion!** bind. - 6.—
broŝ. 4.50
K. Karinthy—L. Totsche: **Vojaĝo en Faremidon** broŝ 1.20
K. R. C. Sturmer: **El Notlibro de Praktika Esperantisto.** bind. 4.—, broŝ. — — — — — 2.50
**Hungara Ŝlosilo** — — — — — — — 0.18

**Prezoj en svisaj frankoj!**
Aldonu 10% por sendkostoj

# Niaj reprezentantoj:

AUSTRIO: Rudolf Foltanek,
**Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

AUSTRALIO: L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson,
**Melbourne** 185 Exhibition Str.

BELGUJO: Belga Esperanto Instituto **Antwerpen**, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.

BRITUJO: Alec Venture,
**Mitcham,** (Surrey) 42 Hawkes Road.

BULGARUJO: Centra Librejo »Esperanto«
**Sofia** str. Maria Luiza 38.

ĈEĤOSLOVAKIO: Otto Sklenĉka, **Hradec Kralové.**
Poŝtkonto nro: Brno 110.878.

DANUJO: Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21.
Poŝtkonto nro: 16295.

ESTONIO: Helmi Dresen, **Tallin,** Poŝtkest 6.

FRANCUJO: Centra Esperanto Librejo
**Paris** 6e, 11 rue de Sévres
Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.

GERMANUJO: Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier,
**Berlin** 138084

HISPANUJO: Ferdinand Montserrat,
**Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a

ITALUJO: Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria
Vittorio Emmanuele II. 92
Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

JUGOSLAVUJO: Sudslava Esperanto Servo
**Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

NEDERLANDO: Leo Moreau,
**Arnhem,** Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13843.

NORVEGUJO: Norvega Ligo Esp-ista,
**Oslo,** Bergsliengata 11.

POLUJO: Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99.
P. K. O. W. Nr. 27867.
Izrael Lejzerowicz, **Lodz,** Skwerowa 20.
Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.

RUMANUJO: Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15

SVEDUJO: Förlagsföreningen Esperanto,
**Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.

SVISUJO: Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner,
**ST. Gallen** C. Gallusstrasse 34.
Poŝtkonto: Nr. IX. 53.41.

JAPANUJO: Japana Esperanto Instituto
**Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

USONO: Amerika Esperanto-Insituto.
Madison, (Wis.) Sherlok Hotel

**ALIAJ LANDOJ** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton **al P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu. Aldonu 10% por sendkostoj.

# Pastroj de l' arto

— ARKADIJ AVERČENKO —

Hodiaŭ matene mi disvolvis la jurnalon kaj trarigardante interalie la anoncaron ekvidis la jenan publikigon:

> **NUDPOZISTINO,**
> svelta, kun ĉarma korpo proponas al pentristoj siajn komplezojn por modelado.
> Adreso . . .

— Ĥi-ĥi, — mi ekridis interne. — mi bone scias, kia »nudpozistino« vi estas, — tia, kia pentristo estas mi.

Poste mi enpensiĝis.

»— Ĉu ekveturi, ha? Generale mi estas homo serioza, kaj ne malutilos al mi iomete da frivola vivmaniero. Ja aliaj homoj vivas kiel papilioj transflirtante de floro al floro. La plej saĝaj, talentaj homoj pasigis la tempon senpripense amindumante kun virinoj. Amaj historioj de Benvenuto Cellini, frivolaj aventuroj de l' genia Bajron — aŭtoro de profundaj, neforgeseblaj ĉefverkoj, kiuj vivos en la eterno« . . .

— Hej! . . . Fiakristo! . . .

. . . En la profundo de granda malhela korto mi trovis la loĝejon No 7. kaj eksonoris kun eta korsveno.

Morna, kaŝema servistino apertis la pordon.

— Kion vi deziras?

— Karulino, mi . . . nudpozistino . . . ĝenerale estas ĉi tie?

— Jes, ĉi tie. Vi estas pentristo? . . . Vi deziras pentri?

— Jes, mi . . . ĝenerale kelkfoje pentras . . . Diru bonvole al ŝi . . . ke ĝenerale ĉio estos kiel decas.

— Bonvolu en gastoĉambron.

Post minuto envenis svelta bela juna virino, en blua matenrobo (tiu lasta agrable reliefigis la ĉarmajn voluptajn konturojn de ŝia korpo).

Ŝi etendis al mi la manon kaj afable diris:

— Ĉu koncerne la modeladon? . . . Vi estas pentristo?

Nu, jam estas tempo transiri al frivola tono, — mi ekpensis.

— Pentristo? Nu, kio estas al vi! Ĥe-ĥe. Kiel vi konjektis, ke mi estas pentristo?

Ŝi ekridis.

— Kiel! Sed kial vi venis ĉi tien, se vi ne estas pentristo? Vi pentradas en la Akademio?

— Ne, bedaŭrinde ne, — mi ekspiris.

— Do, vi laboras en privata artstudejo?

Mi intime tuŝkaresis ŝian manon.

— Kiel ĉarma vi estas! Divenu!

— Sed kiel do mi povas diveni? . . . Ekzistas multe da artstudejoj . . . vi eble laboras ĉe Sivaĉov, aŭ ĉe Holdberberg, aŭ ĉe Ciganoviĉ, kvankam ĉe Ciganoviĉ oni skulptas . . . Nu, kiu estas plue? . . . Perepalkin, Dimodoviĉ, Stremouĥov . . . Vi laboras ĉe Stremouĥov? . . . jes? Mi vidas laŭ viaj okuloj, ke ĉe li.

— Ĝuste ĉe Stremouĥov, — mi certigis.

Ŝi ekvigliĝis.

— Ha, ĉe Vasilij Erastiĉ. Nu, kiel li fartas?

— Bonete . . . Sed oni diras, ke li komencis drinki.

— Komencis! Ŝajnas al mi — li ja dudek jarojn jam drinkas.

— Ĉu? He, Stremouĥov, Stremouĥov! Kaj mi eĉ ne sciis. Mi pensis eĉ: jen kia modestulo!

— Salutu lin de mi. Mi delonge ne vidis lin. De kiam li pentris miamodele »Junulinon kun serpento« . . . Mi ja delonge modeladas.

— Jes . . . ĉu vi vere modelas? — mi demandis malgaje.

— Kia demando! . . . . Vere . . . . Sed ĉu eblas modeli iel alimaniere?

— Mi volis diri — vi laciĝas?

— Ho ne! . . . . Kutimo!

— Kaj ĉu vere vi tute nudiĝas?

— Mi certe, kiel do alimaniere?

— Kiel do? . . . Jen mi do diras — vi ne malvarmumas?

— Ho, mi modelas nur hejme, kaj en nia loĝejo ĉiam estas temperaturo de dekses gradoj. Se vi deziras, ni povas tuj iom labori. Ĉu vi deziras vizaĝon, buston, aŭ tutan korpon?

— Jes, jes, kun plezuro. Mi opinias — tutan korpon. Jes, sendube la tutan korpon.

— Kie estas via farbkesto?

— Kia kesto?

— Aŭ vi alportis paperujon?

— Ha, kiel domaĝe! Mi ja forgesis la paperujon . . . Kaj ankaŭ krajonon mi forgesis.

Iomete mi atendis kaj diris, enpense parolante al miaj patronoj — Bajron kaj Benvenuto Cellini:

— Nu, tio ne gravas, ke mi nenion alportis . . . Mi . . . .

— Certe, ne malhelpos! — ekridis la juna virino. — Ni tuj ĉion aranĝos . . . — Aleksandro! Saŝa!

Pordo, kondukanta en la apudan ĉambron, ekknaris. Aperis bonanima vizaĝo de juna blondulo; en la manoj li tenis paletron.

— Jen interkoniĝu: mia edzo. Ankaŭ li estas pentristo. Saŝa, via distra kolego venis pentri min kaj forgesis hejme ne sole farbojn kaj tolon sed eĉ paperujon kaj krajonon . . . Ho, tia ja estas la bohemo! Saŝa, proponu ion al li.

Mi ektimis.

— Ne, kio estas al vi! Mi ĝeniĝas. Tre agrable vin ekkoni . . . Sed . . . Pli bone estos se mi tuj kuros hejmen . . . Mi loĝas ĉi tie . . . . tripaŝe de vi . . . Mi baldaŭ . . . . Mi . . . kiel ĝi nomiĝas . . . .

— Nu, kial do? Mi havas pentrostablon, krajonojn, fiksnajlojn, paperon. Cetere, eble vi deziras pentri per olefarboj?

— Per olefarboj. Certe per olefarboj.

— Do bonvolu! Mi havas multe da toloj sur la subkadroj. Mi cedos ilin al vi pro ĝia kosto. Katja, alportu!

Tiu damninda Katja jam sukcesis sin nudigi, sen ia konfuziĝo, kvazaŭ ŝi estus sola en la ĉambro.

Ŝi estis vere belegsvelta, sed mi preskaŭ ŝin ne rigardis. Ŝi paŝis laŭlonge de la ĉambro tute senskrupule. — Homoj havas nek honton nek konsciencon.

Pezo ekkuŝis sur mia koro kaj kunpremis ĝin.

»Li batos min, tiu arta, trudema idioto, —

mi pensis malgaje. — Rigardu — pastroj de l' arto.«

Katja alportis farbkeston, tolon kaj kelkajn aliajn ajojn. Mi eĉ ne sciis iliajn nomojn.

Ŝia edzo sin etendis sur la sofo kaj ekfumis cigaredon, rigardante la plafonon. Ŝi iris al la fenestro.

— Starigu min, — diris la senhontulino.

— Vi mem staru, — ĉagrene mi grumblis.

Ŝi ekridis.

— Sed mi ja ne scias, kian pozon vi deziras.

— Nu, staru tiel.

Mi montris al ŝi tian pozon, ke farinte ĝin ŝi nepre devos post minuto laciĝi kaj fali sur la plankon.

Sed tiu Katja estis forĝita el fero.

Ŝi staris en la pozo kaj ŝajne — mortis.

*

— Kion vi faras? — mirante demandis min edzo Saŝa. — Vi elpremas la farbon el la mala rando.

— Ĉu vi estas certa? — impertinente mi demandis lin. — La mortinta profesoro Jakabi konsilis elpremi la farbon ĝuste el tiu rando. Tie ĝi estas pli freŝa.

— Sed tiel la farbo ja sekiĝos.

— Tio ne gravas, — poste oni povas ĝin maceri per akvo.

— Per akvo?... olefarbon? ...

— Mi diras — »per akvo«, — en la larĝa senco de tiu vorto. Generale per likvajo ... Jen stranga afero.... — mi interrompis min mem. ĉiujn farbojn vi havas, sed la haŭtkolora mankas.

— Sed por kio vi bezonas haŭtkoloron? Tia eĉ ne ekzistas.

— Tiel vi pensas? ... En... la artleteroj de Aleksandro Benua — estas rekte indikata, ke plej bone estas pentri la korpon per haŭtkoloro.

— Pardonu, sed...ĉu vi pentris iam per oleofarboj?

— Eĉ multfoje!... Dekfoje, se ne pli...

— Kaj vi ne scias la miksadon de l' farboj?

— Mi, certe, scias, sed vi, mi vidas, vi ne legis la multvoluman verkon de l'ano de Drezdena Akademio de l' arto, barono Fukso — »Arto ne miksadi la farbojn.«

— Ne, tion mi ne legis.

— Do jen!.. Kaj kial ĉi tie, sur la pinto mankas la peniketo? Restis nur sola bastoneto kaj tubereto.

— Ĝi estas muŝtabelo. Ĉu vi ne scias, kio ĝi estas?

— Certe mi scias, sed vi, verŝajne, ne legis »La memuarojn de l' pentrartisto« de Ŝindler-Barnaj, en kiuj ... ni ne devas interrompi la laboron.

— Kiel ĝi sukcesas? — demandis Saŝa.

— Ete... kiel oni diras: iru pli malrapide kaj vi atingos pli foren.

Saŝa sin levis kaj ekrigardis trans mia ŝultro la tolon.

— Hm...

— Kio?.. al vi plaĉas?

— Jes... tre originale... mi dirus — eĉ tute ne similas.

— Diversaj homoj diverse interpretas, — mi trankviligis lin. — Zola diris: »La vivo devas rifraktiĝi tra la prismo de l' mondkoncepto de l' Artisto.

— Tio estas ĝusta, sendube. Sed, ĉu vi rimarkas, ke ŝia brusto kuŝas iel malgracie sur la ...ŝultro?

— Sed ja sur ŝia propra ŝultro! — mi rebatis racie.

— Stranga rakurso!

# Poemoj

**— Amalia Nunez Dubus —**

## Per stelo, preter nubo

*Super la preĝeja turo*
*preterŝvebas en lazuro*
*eta nubo, griza fum',*
*kaj la brilan stelon tie*
*de mi kaŝas ĝi envie:*
*estingiĝas ĝia lum'.*

*Ho, trezoro de l' animo,*
*legu en la malproksimo*
*amsciigon per ĉiel'.*
*Ja la nubon vi ne vidas,*
*tie klare vin alridas*
*la radioj de la stel'.*

## Vintro kaj somero

*En fremda land' mi estis*
*kaj estis vintra vetero,*
*sed ĉeestant' vi estis:*
*ho kia bela somero!*
*Veter' malgaja, nebula,*
*la ter' sen frukto, sen flor',*
*sed kia gaja, sunbrula*
*vetero estis en kor'!*

*Rapide pasis la jaroj,*
*nun estas gaja somer',*
*nur ridas verdaj kamparoj,*
*sed vi ne estas sur ter'.*
*Ĉu regas vintr' aŭ somero,*
*ne sidas ĝoj' kaj dolor'*
*en floroj, birdkanto, vetero,*
*sed sidas sole en kor'.*

## Soleco

*Tra la malluma strateto*
*gajuloj iris kaj bruis,*
*mi inter ili paŝadis*
*kaj miaj larmoj ekfluis.*

*Kaj rimarkinte la larmojn,*
*kiuj survanĝe ardadis,*
*nun haltis la gaja grupeto,*
*scivole min rigardadis.*

*Scivolo multe atingas,*
*sed tamen havas ja limon,*
*ili komprenis la larmojn,*
*sed ne komprenis l' animon.*

*Kaj tial inter la gajo*
*kaj inter la scivoleco*
*invadis mian animon*
*nekonsolebla soleco.*



Jan Stursa *Afrodita*

— Vi tiel opinias? Tiu? Mi tuj pliflaviĝos ĝin.

— Kial do »pliflaviĝi«. La rakurso ne dependas de koloro.

— Ne diru! La mortinta Kuinĝi aprobis la inverson.

— Hm . . Eble, eble . . . Ĉu vi ne trovas, ke sur la maldekstra piedo unu fingro estas iomete superflua?

— Ĉu? Kie? Kion vi diris?! Unu, du, tri, kvar, kvin . . . ses. Ha . . . ĝi estas ombro. Mi tiel faris la ombron. Cetere, mi povas ĝin forskrapi.

— Ĝuste, necesas. Sed vi malprave pentras la tutan korpon per hinda flavo.

»Jen kia azeno! — mi ekpensis, — li mem diris, ke haŭtkolora farbo eĉ ne ekzistas, kaj poste tede kroĉiĝas al la koloro!

— Mi vidas, — sarkasme mi diris, — ke mia laboro al vi simple ne plaĉas.

— Indulgu min, — delikate kontraŭdiris Saŝa. Mi tion ne diras. Sentiĝas serĉado de . . . novaj formoj . . . La pentraĵo, vere, estas maltaŭga, la linioj lamas, sed . . . Nun ja ĝenerale ĉie la pentroarto falis.

Kaj li kun neatendita sincero aldiris:

— Mi diros al vi malkaŝe: kiel mi observas, la pentroarto falas. Ĉi tien ofte venadas pentrartistoj por pentri mian edzinon . . . Same, kiel vi. Ĉe mi restis kelke da iliaj krajondesegnoj, laŭ kiuj vi kuraĝe povas diri, ke en Ruslando la pentroarto mortis. Al mi estas tre dolore tion diri, sed tio estas vera. Jen, rigardu!

Li eltrenis el angulo grandegan paperujon kaj komencis montri al mi folion post folio.

— Bonvolu vidi. De la unua tago, kiam mia edzino presiĝis sian anoncon pri la modelado, ĉe ni aperadis pentrartistoj, — sed kiel sentalentaj, senpovaj kaj kriplaj estis iliaj desegnaĵoj! Pri kolornuancoj mi eĉ ne parolas. Jen — »admiru! . . . Kaj tiuj homoj — adeptoj de la rusa arto, destinitaj kreskigi ĝin, evoluigi la artistan guston de la homamaso.

Iu lertulo — vi vidas — pentras unu brakon duonarŝine pli longe al la alian. Kaj tiamaniere ili pentras! Ili havas nek senton, nek guston, nek komprenon pri rakurso.

Jen, ĉi tie — la kapo kuŝas ne sur la kolo, sed sur la ŝultro, la ventro falis sur la piedojn, kaj la piedoj . . . provu — trovu tie ĉi la genuojn. Vi ne trovos ilin eĉ tage kun lampo. Kaj pentras ja ne nematuraj junuloj. Plejparte al ni venadas pentri homoj grandaĝaj, kaj eĉ grizharaj maljunuloj. Kiel ili lernis! Kia estas ilia arthavajo! Vi ne kredos al mi, kiel peza ĝi estas por mi.

Mi kun mia edzino — korsincere amas la arton, sed ĉu tio estas arto? . .

Vere, mi neniam vidis tiel grandan kvanton da monstroj, pentritaj per senpova mano de ebria homo au de infano. Kurbiĝintaj piedoj, ŝvelintaj ventroj, okulaĉoj elorbitiĝintaj sur la frunton, kaj lipoj etendiĝantaj oblikve de l' orelo al la mentono.

Kompatinda Katja!

*Mi ĵetis oblikvan rigardon al* mia studajo, ektremis kaj diris kun kaŝita terursento:

— Nu, mi iru . . . Mi finos tion iam poste.

Saŝa foriris en sian ĉambron. Katja *envolviĝis en sia blua matenrobo, proksimiĝis al mia studajo* kaj subite ekploris.

— Kio estas al vi? Kial vi ploras?

— Mi ne komprenas — kial li trankviligas min, kial li trompas?

— Kiu?

— Saŝa. Mi mem ĉiam vidas sur ĉiuj pentrajoj kiel mi estas abomena, naŭza kaj kriplega. Sed li diras: »Ne, ne, vi estas bela, sed oni ne povas vin pentri.« Nu, oni supozus, ke unu ne povas, alia ne povas, la tria . . . Sed kial do ĉiuj? . . Kial do ĉiuj??

El la rusa: *Vladimir Marganidze.*

## LA ŜIPROMPIĜULO

— J. M. Heredia —

Ĝuanta poŭpan venton kaj puran ĉielserenon
li vidis inter veloj la fuĝon de l' Lumturo
lasinte for Egipton ĉe l' brilo de l' Arkturo,
de l' fluga ŝip' fiere fidante l' bronzkarenon.

Neniam li revidos Aleksandri-havenon.
En sablon, ne signitan eĉ de kaprida spuro,
la tristan tombon fosis tempesto dum trakuro;
marvento tie tordas sur bord' ian vimenon.

Ĉe l' plej profunda faldo de l' moviĝema duno,
en nokto sen aŭroro, sen astro kaj sen luno,
la naviganto fine retrovu la ripozon.

Ho Ter', ho Mar', kompatu pri lia ombro plenda!
Sur bord' helena, kie li finis la vivkrozon,
estu do, Vi, malpeza al li, kaj Vi, silenta.

El la franca: *G. Waringhien*

# INTER MONTOJ

— H. D. Nomberg —

IV.

Foje, vintre Sonjo ekvolis promeni iom sur la montojn. Ŝi kunprenis kun si min kaj Ŝvarcvaldon. Ni nin vestis kiel turistoj; varme kaj malpeze. Sonjo vestis sin per blankaĵoj: per trikota jako, kiu aldonis freŝecon, allogon kaj ĉarmon, per blanka pelta ĉapeto, kiu kokete aspektigis ŝin. Ni vestis nin per mallongaj varmigaj surtutoj, per larĝaj najlitaj ŝuoj, longaj ŝtrumpoj, kiuj kovris la genuojn, kaj per tirolaj ĉapoj kun enigita plumo flanke. Tiu ĉi kvazaŭ heroa vestaĵo tute ne harmoniis kun la figuro de Ŝvarcvald, sed li ĝojis pri ĝi kiel infano. Kiel mi jam diris, li laste ŝanĝiĝis, estis jen gaja, humorplena kaj jen freneze melankolia.

Meznokte ni forveturis el Munĥeno, alvenante al Kufŝtajn antaŭ mateno. Kufŝtajn estas malgranda urbo en Norda Tirolo, proksime al la bavara limo, ĉirkaŭata ĉiuflanke de montoj, unuflanke de la bavara altkamparo, aliflanke de vico da montoj, kiu kune nomiĝas »Reĝmontoj« kaj staras gardiste antaŭ la kolosaj Alpoj. Ni ripozis en restoracio du horojn ĝis tagiĝo, tiam ni metis la tornistrojn sur la ŝultrojn, prenis la longajn bastonojn kaj foriris.

La urbo estis vualita en granda nebulo, pro tio ni eĉ ne rimarkis la domojn starantajn kontraŭe en la foirejo. Tio ne estis simpla nebulo, sed dika nubo, kiu malsupreniĝis de la montoj en la valojn kaj kiu grave tedis ĉiujn kaj min. Homoj vagis kiel ombroj interne de la nubego, kaj supozigis, ke ili faras strangajn mienojn. Intempe ili perdiĝis kaj jen ree montriĝis, eliĝante el la griza maro, ĉar de la ĵus leviĝinta suno dume restis nenia postsigno. Krom tio estis ankaŭ akre malvarme, froste kaj glitige, ĉar ni ne estis sufiĉe dormintaj, tial ni kune treniĝis simile al ektimigita grego, por ke poste ies ŝultroj servu kiel apogilo okaze de glitfalo.

Ni iris parolante nenion, sed interne ni forte bedaŭris la obeon al la stranga projekto de Sonjo pri tiu ĉi ekskurso vintre al la monto. Eĉ la ĉiam gaja kaj energia Sonjo silentis nunfoje kvazaŭ pekulino, kaj ŝi eble sentis sin kulpa, precipe koncerne min. Se almenaŭ estus nur ni du; sed ŝi ja alie ne volis, nur ke ankaŭ Ŝvarcvald ĉeestu.

Malgraŭ la nebulo, ni tamen ĝisiris la monton kaj komencis suprengrimpi. Apenaŭ trenante la piedojn, ni sukcesis iri tiel kelkan tempon dormeme kaj pensokupe. Kiam ni leviĝis je la alto de 200—250 metroj, ni konstatis, ke la nebulo malaperis. Kvankam la aero nun fariĝis klara, tamen ni ne povis rigardi ĉirkaŭen. Ni troviĝis inter la arboj; de ambaŭ flankoj kuŝis la frostiĝinta neĝo; enmeze — la vojo. La vojon ni povis vidi nur je distanco de kelkaj metroj, ĉar poste ĝi kurbiĝis, kondukante nin zigzage, simile al ĉiuj montvojoj.

— Nu, kiel vi vin sentas, estimata fraŭlino? — mi demandis Sonjon inciteme.

— Tre bone, estimata sinjoro, — ŝi respondis malvarme.

— Ŝvarcvald! Kie vi estas? — ŝi sin turnis al mia konato, kiu konstante restis malantaŭ mi.

— Jen, jam! — li ekkriis el malproksimo kaj ekrapidis por min kuratingi.

— Ne ekzistas afero pli malbona ol kuri kaj ŝanĝi la irmanieron, tiel oni rapide laciĝas. — Pri tio mi lin atentigis, sed li kuraĝe respondis:

— Ne gravas, mi ne laciĝos.

Kaj ŝajnis ĉi-minute, ke li efektive fariĝis pli forta, pli juna, pli freŝa, ke lia voĉo sonas pli certa... »la dio de Olimpo vekis kaj tamen sukcesis veki« mi ekpensis...

Irante ni rimarkis lummakulojn en la ombroj de la arboj, kiuj desegniĝis sur la neĝo. Ni levis la okulojn kaj ekvidis — tra la plektaĵo de l' arbaj branĉoj — pecojn de blua ĉielo. Ni ĉiuj tre ĝojis pri tio. Malvarmon ni ne sentis, ĉar estis al ni varme pro la propraj movegoj kaj ni komencis marŝi kun pli da forto. Nia vojo kurbiĝis kaj kurbiĝis kiel serpento, ĉiam la sama neĝo sube kaj la sama frostiĝinta neĝo ambaŭflanke. La lummakuloj kaj la pecoj da blua ĉielo jen montriĝis jen malaperis. Ni jam iras pli ol horon, sed la ĝisiro al la montsupro devas daŭri ĉirkaŭ 4—5 horojn, kondiĉe, se survoje oni ne eniras restoracion, alie ĝi devas daŭri pli longe. Enua perspektivo. Kiam ni jam venis ekster la arbaron, ni estis plenverŝitaj per hela kaj varma lumo brilanta tre klare; hel'o frapis niajn okulojn de ĉiuj flankoj, ni subite troviĝis en nova, hela kaj luma mondo. Ni levis la okulojn: jen ĉielo pura sen ia ajn nubeto, helante kiel facetita vitro, kaj neĝo sube: ni troviĝis en mondo, kie glimbrilis de ĉiuj flankoj, de malsupre kaj de supre, de profundegaĵoj kaj montpintoj. La okuloj baniĝis en la hela lumo volupte ĝis doloro, ĝis larmoj, ni estis ravitaj. Nia vojo nun kondukis sur samaj randoj de l' monto kaj la tuta ĉirkaŭaĵo je kelkmejla distanco aperis antaŭ niaj okuloj. Piede de la monto troviĝis la »Innvalo« transflanke limita de altaj montoj. Super la valo fluis la rivero Inn, kiu aspektis kiel longa malvasta griza zono distinge al la neĝo. Ĉe angulo de la valo mi vidis la domojn de Kufŝtajn, ili aspektis kvazaŭ unu amaso, tiel kunĵetitaj ili estis, kaj malgrandaj kiel la ludkartaj dometoj. Super ili ŝvebis maldika vaporo, kiu per flugilo tuŝis la kontraŭan monton, ĝi estis la nebuleto, kiu inside perfortis la urbon, kiam ni ĝin forlasis.

Ĉirkaŭe staris montoj diversaltaj kaj diversformaj, ili premiĝis unu al la alia kaj unu grimpis sur la dorson de l' alia. Kelkaj aspektis terure pro la akraj disigaj linioj; kelkaj estis kvazaŭ formitaj malmole kaj delikate kiel bela virina talio. Kaj ĉio ĉi, kovrite per neĝo kaj plenverŝite per lumo, brilis kaj helis. En iu flanko mi rimarkis etan grupon da montoj kun tri sovaĝaj altaj suproj, kiuj tiriĝis al la ĉielo. Ili deĵetis de si la neĝon kaj montris sian nudan grizan kaj rokan korpon, aspektante kiel malbenaj kaj malicaj gigantoj, pretaj ĉion ekstermi, nur, feliĉe ili estas alforĝitaj pli forte... Ni ekkonis la »Sovaĝan Reĝon«, kun kies nomo multaj teruraj legendoj — tre popularaj en Tirolo — estas ligitaj.

— Ha, kiel bele: — ni ĉiuj preskaŭ kune ekkriis.

Ŝvarcvald preskaŭ ploris pro ravo, liaj okuloj iom malsekiĝis kaj lia malgrasa malsaneta vizaĝo lumis pro plezuro simile al vizaĝo de sanktulo.

— Ne, miaj karuloj! — li ekparolis — valoras vivi kaj suferi 100 jarojn por tion vidi eĉ dum unu minuto. — Vidu kia abismo estas ĉi tie, jen tien sin ĵeti kaj morti surloke, ke la neĝo poste nin kovru kiel ĉion ĉirkaŭe!...

Ni rigardis malsupren en la direkto de li indikita kaj vidis profundan abismon, de kiu apartigis nin la frostiĝinta neĝo flanke kuŝanta; malsupre en la profundaĵo senlima io muĝis kaj moviĝis, tio estis mont-

fluego, kiun ni ne sukcesis observi. Ni rimarkis nur malsupran vaporon, kiu malrapide altiĝis el la fendoj kaj kavernoj.

La suno staris rekte super niaj kapoj. Estis ĉirkaŭ la dekdua. Tiu ĉi vojo estis jam pli ebena kaj kondukis al 'alia malpli ebena. Ni iris trankvile frapbatante per la longaj bastonoj sur la neĝon kaj ne parolis unu al la alia. Ankaŭ Sonjo silentis. La vigle energia esprimo de ŝia vizaĝo malestis nun, kaj en ŝiaj okuloj mi rimarkis profundan malkaŝan sopiron mole melankolian. Ŝi subite turnis sin al Ŝvarcvald preta servi lin per sia brako. Ili iris kune, mi — post ili, tiel ni post duonhoro alvenis al la restoracio troviĝanta mezvoje. Ni trinkis, ĉiu po unu kaliketo da varmega spicvino, dismetis niajn malsekajn ŝtrumpojn por sekiĝado kaj ripozis pasigante la tempon en interparolo kun la gastoj, kiuj konstante alvenadis de supre kaj malsupre. La belaj heroaj tirolanoj salutis nin kvazaŭ amikojn kaj parolis kun ni en ilia germana dialekto, kiun ni penis kompreni. Krome, preskaŭ ĉiu el ili sidiĝis apud Sonjo komplimentante ŝin pri ŝia beleco kvazaŭ ili rigardus tion devo.

— Forta knabino — iu flustris en mian orelon, okulumante, kaj samtempe skuante sian patriarkan barbon.

Sonjo ĉion bone aŭskultis kaj ridetis, konstante ridetis.

V.

— Nu, marŝ' antaŭen! — ekkomandis Sonjo; leviĝante el la loko; ankaŭ mi ekstaris baldaŭ pretigante min al plua ekskurso.

Hela gajiga suno zenitis super niaj kapoj, la brilanta helo ebriigis la animon, ni ne sentis lacon, malgraŭ nia kelkhora marŝado, niaj piedoj preskaŭ mem moviĝis. Ni spiris la freŝan pure diafanan aeron de la montoj kaj ĉiu en- kaj elspiro profunda kaŭzis ian nekonatan plezuron. Denove montriĝis la tri supropintoj de la »Sovaĝa Reĝo« kaj ree ni vidis profundegajojn, abismojn, valojn kovritajn per neĝo. La roka spino de la »Sovaĝa Reĝo« fumis kaj tre malgranda nubo etendiĝis malrapide, aspektante kiel senhelpa kreajo, kiu rampas mallerte al kaŝa nesto ie en la montoj. Ju pli alten ni venis, des pli da novaj supropintoj, montaj regionoj, valoj kaj pejzaĝoj montriĝis, kaj de tre malproksime, tra diafana pura aero, vidiĝis la alpoj kvazaŭ sin apogintaj sur la ĉielo. Iliaj siluetoj jen pli klare evidentiĝis por la okuloj, jen aspektis kiel amaso da nuboj sin banantaj en lumo, kaj ŝajnis, ke ili ŝoviĝas malrapide, ke la Innvalo, la rivero, la urbo kun siaj ĉirkaŭaĵoj tute malaperis. Ni vidis nin apartigitaj de la ĉiutaga griza mondo, kiun ni forlasis; nur tri personoj inter montoj, rokoj, nuboj kaj neĝo. Nia eksterordinara bonhumoro kreskis en ni, ĝi serĉis vojon por eliĝi, ni komencis kanti, kuri, petolkrii, kaj la eĥo malproksime respondis al ni el ĉiuj flankoj.

Pli vigla kaj pli bonhumora ol ni estas Ŝvarcvald. Lia gajeco esprimiĝis per sovaĝaj manieroj: li kriegis plengorĝe, elvokante la eĥon, kantis kaj kuris senĉese, lia vizaĝo estis ruĝa kaj liaj okuloj fulmbrilis kiel tiuj de frenezulo. Ankaŭ lia rilato al Sonjo estis nun libera. Fratmaniere li ŝin prenis per la mano, ordigis ŝian ĉapon sur ŝia kapo ne foririnte de ŝi eĉ por minuto. Sonjo amuziĝis kun li, nur de tempo al tempo direktante al mi vidjeton, kvazaŭ ŝi dirus: jen vidu, kion signifas. Tiamaniere mi volas, ke oni min amu, tiamaniere...

Survoje ni komencis renkonti piedirantojn; kelkaj

## *La infano volis ludi . . .*

— *László Mécs* —

*Kupeo-kestoj, la trajno bruis,*
*mallarĝa lok'; la infan' enuis.*
*La frua flu' ne toleris trudon,*
*la flu' inundis. Li volis ludon.*

*L' infano serĉis al si spegulon:*
*rigardis ride patrinokulon.*
*Patrinokul' lin ne respegulis;*
*malgajulin'. La spegul' nebulis.*

*L' infano serĉis al si spegulon;*
*rigardis ride nun li rentulon;*
*ties okuloj lin ne spegulis;*
*kalkul', negoc'. La spegul' nebulis.*

*L' infano serĉis al si spegulon:*
*junin' spegulis junfeliĉulon.*
*Okuloj amaj lin ne spegulis;*
*sopirvualo. La spegul' nebulis.*

*L' infano serĉis al si spegulon,*
*la konduktoro gardis regulon,*
*rigardo lia sensente foris.*
*Servisto griza. Li ja dejoris.*

*L' infano serĉis al si spegulon:*
*alridis min, kaj mi l' etan ĉarmulon*
*spegulis. Kiel en lago steloj:*
*luliĝo. Kantis ie anĝeloj.*

*Mi havas tempon. Mon' min ja ne ĝenas.*
*Pro ama febro mi ja ne tremas.*
*Se venkis mi en mi jam la krimon:*
*rigardas pura mi, ne havas timon.*

*Spegul' mi estas al ĉiu rideto*
*Mi vivas nur, por ke mi reridetu,*
*arbaron, flugon, arbuston, rozon,*
*ĉu lupon, ŝafon, ventfuriozon,*

*ĉu lunon, sunon, malriĉon, plagojn,*
*suferon, gajon, alternajn tagojn,*
*floreton, krucon; — por rerideti al ĉio,*
*rerideti al Dio.*

El la hungara: *F. Szilágyi*

revenis de supre, kaj tiuj, kiuj iris de malsupre, nin atingis. Ĉar la vojo komencis ofte kruciĝi, ni denove restis solaj. Subite ni ekaŭdis ian strangan vokon, kiu venis el iu flanko: »hop-hop! hop-hop!«. La eĥo de ĉie respondis kaj antaŭ ol ni konsciiĝis, kio okazis, preskaŭ surveturis nin — deglitante kun impeto de la kruta vojo — malgranda glitveturilo, en kiu sidis homo ruĝvizaĝa kaj ŝvitplena pro la rapidega movo... Li apenaŭ sukcesis direkti flanken la veturileton per la ŝnureto, kiun li enmane havis. La veturileto faletis sur la muron da neĝo, kaj la homo kelkfoje kapriole ruliĝis sur la vojo. Poste li leviĝis, kvazaŭ nenio estus okazinta, turnante sin al mi duonriproĉe kaj duonridete.

— Oni devas iri flanken. Mi ja kriis »hop-hop«, ĉu vi ne aŭdis?

Ni pardonpetis kaj demandis lin, ĉu nenio malbona okazis al li. Li klarigis al ni, ke la falado ne estas danĝera. Oni nur ruliĝas ĝis la loko de vojkurbiĝo, tie oni haltas kaj restariĝas senkontuze.

Tio estas speco de alpa sporto, kiun oni nomas »rodlado«. Pri tiu ĉi sporto ni jam estis aŭdintaj, sed por la unua fojo ni ĝin vidis kaj ni grave teruriĝis rimarkante, kun kia granda impeto la glitveturileto renversiĝas, meze de tia grandega vojo kaj tia granda krutaĵo.

La homo baldaŭ residiĝis en la veturileto, kiu komencis tuj plue degliti malaperante post nelonge. Poste alvenis novaj, sed ĉifoje ni direktiĝis flanken por ilin preterlasi. En kelkaj veturiletoj sidis po du geuloj trakurante rapidege kiel fulmo. Sana ruĝa tirolanino en nacia vestaĵo forte ĉirkaŭprenis per la manoj viron, kiu sidis fronte kaj kondukis la veturileton. La knabino ĵete turnis sian kapon reen, por iel gardi la ekvilibron, kaj la piedojn ŝi de tempo al tempo enigis en la neĝon, por malfortigi la inercion. Tio nur mallonge daŭris, apenaŭ sufiĉis tempo por raviĝi, baldaŭ ree aŭdiĝis vokoj: »hop-hop! hop-hop!«

— Ni derodlos? — Sonjo neatendite turnis sin al mi.

— Ĉu vi ne timas? — mi demandis.

— Kia supozo?

— Kaj se vi falos?

— Do, mi min levos.

Mi laŭdis ŝin pro ŝia kuraĝo, ŝi estis kontenta pro tiu komplimento, donacis al mi simpatian rigardĵeton kaj forte premante mian manon ŝi diris:

— Mi devas reiri al mia fraŭlo. La »nigra ombro« hodiaŭ estas tre interesa; ĉu vi ne estas ĵaluza?

— Ne.

— Ni derodlos kune en unu glitveturilo?

— Se vi volas.

— Bone. — Ŝi premis al mi ankoraŭfoje la manon kaj reiris al Ŝvarcvald. Nin kuratingis altstatura, larĝkreska tirolano kun patriarka barbo — la sama, kiu antaŭe flustris en mian orelon: »forta knabino«. Kun ni li komencis iri pli malrapide, ni parolis kun li pri la montoj, pri la vivo en la montoj, pri la lavango. Li estis fiera pri sia lando kun ĝia ĉirkaŭaĵo. Li rakontis al ni, ke supre en la restoracio ia societo — al kiu ankaŭ li apartenas — celebras sian feston, tial mankos tie dormlokoj, do ni verŝajne devos derodli al la restoracio troviĝanta malsupre. Li trankviligis nin rilate ian danĝeran eblaĵon: vojperdi — li diris — estas neeble. La vojo ĉiam ĉirkaŭas nin per du muregoj; en unu loko, kie la neĝo kuŝas malprofunde kaj la vojo troviĝas proksime apud la abismo, homo ne scianta devas esti singardema. Li konsilis trapasi tiun lokon piedire, ĉar antaŭ kelkaj jaroj tie okazis akcidento.

Tre rapide ni alvenis al la loko. La tirolano forigis la neĝon el la muro kaj el sub la neĝo montriĝis ŝtono sur kiu estis gravurita la nomo de la malfeliĉulo, kiu tien enfalis, kaj la dato, kiam tio okazis.

Ni rigardis malsupren kaj sentis kapturnon pro la rimarkita ega profundeco. Instinkta timo kaptis nian animon rigardante profunden en la abismon, eĉ la blankeco de l' neĝo kuŝanta tie estis apenaŭ konstatebla. Pli proksime al ni vidiĝis rokoj.

Tio estis la »Diabla Kaverno«, kiu troviĝis sur nia karto, terurega abismo, kiu estas preskaŭ nealirebla. Ekzistas vojo kondukanta al ĝi de la alia flanko de l' monto — la tirolano montris ĝin al ni — sed ĝi estis superŝutita abunde per neĝo. Somere estas facile iri laŭ ĝi, sed eĉ tagmeze regas tie mallumo.

— Kiel profunde estas tie ĉi? — demandis unu el ni.

La tirolano anstataŭ respondi prenis manplenon da neĝo, knede kunpremis ĝin kaj ĵetis ĝin malsupren. Li streĉis la aŭdatenton, pasis kelkaj sekundoj ĝis la brueto aŭdiĝis.

— Pli ol ducent metroj — li respondis.

Ni komencis senti malvarmegon, froste akra vento blovis, la ĉielo nubiĝis, en la aero kvazaŭ malheleco ripozus. Ŝajnis kvazaŭ la suno subite teruriĝus ĉesante heli. De malproksime aŭdiĝis de tempo al tempo mirindaj krakoj similaj al tiuj de hakiloj, kiam oni hakas arbojn. Kelkfoje ŝajnis al ni, ke fulmotondro proksimiĝas, ke la tondroj ruliĝas proksime al ni, tie malantaŭ la monto. Post nelonge la ĉielo tute plennubiĝis kaj la vento komencis pli furioze blovegi, ĵetante en niajn vizaĝojn frostiĝintajn neĝerojn. Tio estis neĝlavango atakanta la »Sovaĝan Reĝon«, kien la vento direktis la tutan neĝon abundege.

— Tio ordinare ne daŭras longe — konsolis nin la tirolano: ĉi tien la lavango ne atingas — li komencis min instrui, kiel konduti se okaze la lavango trafus nin.

— Oni devas tiel fari — li levis la manojn ellongigante sian korpon alten.

— Naĝi jen tiel — li montris — elnaĝi el la neĝo. — Li nin instruis, tuj mem malaperis el niaj okuloj, ne scieble kien.

Ni fariĝis maltrankvilaj, staris kvazaŭ atendante lavangon de neĝo, kiu estas venonta kaj superŝute kovronta nin. Kiel terure devas esti sufokiĝi sub la blanka amaso. Tio estas malrapida kaj terura morto. Okazas, ke perdiĝintaj turistoj turmentiĝas tiel tutan tagnokton ĝis ili mortas. Kial li nin forlasis? — ni penis diveni, li certe volis sin mem savi spertante, ke ni ne povas samrapide lin sekvi! »Naĝi jen tiel« ni ripetis en la penso. La neĝo, kiu antaŭ nelonge ravis miajn okulojn per sia pura blankeco, la sama, kiu ĉarmegis plenigante niajn animojn per torentoj da gajeco, la sama neĝo nun ŝajnis al ni terura, griza maso ekzistanta nur por pereigi nin. Nia timo ne longe daŭris. La neĝamaso forportiĝis. Eĉ dek minutoj ne pasis, kiam ni denove havis super ni serenan ĉielon brilan kaj la suno glimante kiel facetita vitro ĵetis varmigajn radiojn. la neĝo brilis kaj glimis kaj nia gajeco refreŝiĝis kun duobla forto ĝis ebrieco. Meze de la vojo ni sidiĝis sur la neĝo kaj komencis kanti laŭtvoĉe. Apartigita de la malsupra mondo, ni nin sentis liberaj. Ŝvarcvald komencis nin cii kaj ni ambaŭ tro petolis kun Sonjo, kisante ŝin kaj prenante ŝin ambaŭflanke sub la brako, kiel satiroj la kaptitan feinon en Rubensa bildo. Ŝi penis sin elŝiri el niaj manoj, puŝante nin antaŭen, subite ŝi sin ĵetis en la neĝon laŭte ekridegante.

La roka spino de »Sovaĝa Reĝo« daŭre fumis. La nubo proksimiĝis al ni, pro kio ni vidis ĝin pli granda, ĝi kuŝiĝis sur la montosuproj, kaj nun estis apud ni. Kiam ni atingis nian celon, estante jam en la alto de 2500 metroj, kie troviĝas restoracio, la nubo jam kuŝis ĉe niaj piedoj, kovrante ĉiujn suprojn kaj abismojn. Pli alte brilis en siaj blankaj manteloj la montoj superverŝitaj per la ĉarma lumo de la vespera suno.

Ni manĝis kaj ripozis sentante nin iom lacaj, ĉi tiu laceco dolĉe penetris ĉiujn niajn membrojn. Ĝi ne devigis nin al dormado sed nur al pasigo de la tempo maldorme por aŭdi, vidi kaj moviĝi. Ĉe Ŝvarcvald subite renversiĝis la animstato; li iĝis denove melankolia; li sidis ĉe la tablo apoganta sian kapon sur la mano kaj rigardaĉis per siaj okuloj nenion dirante. Ni forlasis lin por momento kaj eliris el la restoracio por vidi la subiron de la suno.

La nubo, kiu kuŝis ĉe ni, komencis ruĝiĝi. Kelkloke, kie la suno troviĝis, kuŝis purpuraj strioj; post

nelonge la koloro fariĝis flameruĝa, kaj ŝajnis kvazaŭ la densa maso ekflagrus. Apud ni la nubo estis pli malhela, kovrita per apenaŭ rimarkebla violkoloro. La temperaturo rapide falis. Ĉiuj ŝanĝoj okazis kun eksterordinara rapideco. Sur la nuboj variis la koloroj, estantaj jen helaj jen malhelaj. Ŝajnis, kvazaŭ malpezaj ombroj roz-, ruĝ-, purpur-, kaj violkoloraj tirus ilin, ĉiu en sian flankon, ŝanĝus la lokojn skerme forpuŝante unu la alian. La suno pliproksimiĝis trempante sin en la nubojn, kvazaŭ ĝi volus sin bani en la maro de koloroj. Ĉirkaŭe vidiĝis la elstarantaj montopintoj, kiuj silente kaj serioze observis ĉion kvazaŭ sanktan ceremonion. Iliaj suproj estis ankoraŭ hele lumigitaj kaj kvazaŭ admirrigardis la nubon, kiu edukiĝis en iliaj fendoj, kaj de tie poste iris en la mondon etendiĝante vaste kun la ŝajna celo engluti la sunon.

Post nelonge la suno tute subiris, sed la montopintoj daŭre estis unuigitaj ankoraŭ. La nubo malsupre rapide malheliĝis, nur la loko, kie la suno subiris, brilis kiel fajro, kvazaŭ sub tiu ĉi loko brulus ardaj karboj.

Mi kaj Sonjo staris. Ŝi sin apogis sur mian ŝultron kaj mi silentis. Fariĝis tute malhele kaj froste, la koloroj estingiĝis kaj la nubo komencis fariĝi grizenigra. Nur sur la montosuproj ankoraŭ restis rozkoloraj ombroj. Malantaŭ ni kuŝis la ronda pinto de nia monto. Ni ekrigardis malantaŭen kaj ne volis kredi al niaj propraj okuloj, kion mi vidis; ĝi estis vualita per mantelo, kies koloron ne estas eble priskribi per vortoj. Tio estis ia rozkoloro miksita kun violkoloro delikata kaj subtila, kiel la farboj, kiujn ni vidas sonĝe. Plue, kien nur atingis la okulo, flamis en la krepusko la pintoj de la alpoj kaj ŝajnis kvazaŭ ili kantus mallaŭte melodion, ĉiuj ĥore, kaj ke en la malhela aero la kantado tremas kaj perdiĝas...

Sonjo alproksimiĝis Mi sentis ŝian bruston premiĝantan al mia korpo, ŝi ĉirkaŭprenis kaj kisis min. Apud ni staris homoj, antaŭ kiuj ni nek hontis, nek ili eĉ ridetis. Ni staris tiel senĝene kaj nia pozo estis tiel simple neelvoka kiel la mondo ĉirkaŭ ni. Subite ni rimarkis Ŝvarcvaldon, li staris kaj rigardaĉis nin, lia aglonazo nun strange elstaris. Li tremis pro malvarmo.. ho! kiel terura lia vizaĝo nun aspektis! tiel aspektas homoj, kiujn por la lasta fojo ni vidas.

— Ĉu vi sentas malvarmon? — mi lin demandis.

Li silentis.

— Ni baldaŭ zorgos pri varmo. Tie ĉi ne estas kie dormi.

— Nu jes — li respondmurmuris necerte.

VI.

Ni prenis du glitveturiletojn: unu por Ŝvarcvald kaj unu por mi kun Sonjo. Ŝi estis bonhumora, vigle frapis mian ŝultron ĝoje ridetante. Pri Ŝvarcvald ŝi ŝercis malice kaj sprite, nomante lin »nigra ombro«.

— Nigra ombro, ĉu vi ne timas?

— Mi ne scias.

— Vi fariĝis enuiga malsaĝulo. — Ŝi estis treege gaja, plena je impresoj, krome ŝi ja estis baldaŭ vojaĝonta meznokte per glitveturilo, kiu kuros malsupren de la monto kaj kune kun mi, simile al la tirolaninoj kun iliaj amatoj. Ŝi deziris nun iom inciti Ŝvarcvaldon.

— Ĉu vi, Ŝvarcvald, sentas malvarmon? — ŝi demandis.

— Iom.

— Kaj kion vi faros, kiam vi falos?

— Kaj vi, kion vi faros, kiam vi falos?

Denove estiĝis silento.

Ŝi jam estis en la glitveturileto malantaŭ mi. Mi

## Rendevuo

Vespero,
renkonto,
espero,
venonto.

Progreso,
kortuŝo,
promeso
per buŝo.

Steletoj,
nokthelo,
sekretoj,
ĉielo.

*Georgo Carlander.*

## Rebrilo de l' vivo

Nun varmigas suna lumo,
Pasis vintra la sezono,
kaj el vekiĝanta humo
venas blua anemono.

Kapsalutas en sunoro
vi al mi el la deklivo,
estas vi por mia koro
la rebrilo de la vivo.

*Georgo Carlander.*

iom returnis mian vizaĝon al ŝi, metante mian manon sur la buŝon. »Silentu! sufiĉe« — mi flustris mallaŭte. Ŝi laŭte ekridegis.

— Ni komencas — mi komandis. — Ŝvarcvald, ne estu tro proksime al mi, kiam ni falos, bremsu kaj haltigu vian glitveturileton, se vi ne volas fali sur min. Do, unu, du, tri — marŝ!

Sonjo tenis min forte ambaŭmane, la veturilo komencis malrapide kuri.

— Atentu bone! — mi postkriis al Ŝvarcvald — se la vojo dekstriĝas, oni bremsas per la dekstra piedo, se ĝi maldekstriĝas, oni bremsas per la maldekstra piedo.

— Kaj se vi aflos, ne forgesu vin levi — aldonis Sonjo.

Estis jam mallume. La ĉielo fariĝis malhela kaj plena de blankaj steloj. La montoj kvazaŭ duondormis vestitaj en siaj grizaj manteloj. Sed la steloj brilis gaje kaj ĝoje kurante post ni sur nia vojo. Ni moviĝis komence malrapide kaj singarde bremsante per la piedoj senĉese. Iom post iom ni alkutimiĝis kaj komencis lasi libera la veturilon ne bremsante plu, sed tiam ĝi kuregis kun eksterordinara impeto. Fariĝis al ni pli varme. Subite, ĉe la unua voja flankiĝo — buh, nia veturileto falis en la muron da neĝo, nin elĵetis kaj mem kuris plue, haltante ĉe la proksima denova voja flankiĝo. Ni kelkfoje falruliĝis en la neĝo, mi sur Sonjon kaj Sonjo sur min kaj antaŭ ol ni sukcesis ĝoje konstati, ke mi eĉ ne kontuziĝis — denove buh!

Ŝvarcvald surveturis nin kun sia veturileto mem renversiĝante kaj ni ĉiuj ruliĝis kune sur la neĝo unu sur la alia. Sonjo sin levis la unua kaj laŭte ekridegis. Ni baldaŭ residiĝis en la veturiletoj, denove falis, sed tre tre rapide ni lernkutimis ĝuste bremsi kaj nia vojaĝo okazis jam feliĉe.

Ni devis ofte atendi je Ŝvarcvald, kiu postrestis ĉiam.

— »Hop-hop« — ni kriis estante malproksime — Ŝvarcvald, kie vi estas?

— Tie ĉi! — ni aŭdis voĉon el malproksimo, lin tute ne vidante.

Ni interŝanĝis la lokojn, ŝi deziris esti la komandantino. Mi prenis ŝin ambaŭmane ĉe la talio kaj baldaŭ ni lasis la veturileton kuregi kun eksterordinara rapideco. La vojo kruciĝis ofte, sed turnante nian atenton je nenio, ni feliĉe trapasis ĉiujn flankiĝojn kaj vojkruciĝojn. Ŝvarcvald-on ni jam nek vidis nek aŭdis, en la sama momento ni rememoris pri la »Diabla Kaverno« kaj haltigis per la piedoj la veturileton.

— Tie ĉi ni devas piediri — mi diris.

Evidentiĝis, ke la »Diablan Kavernon« ni preterkuris impetplene. Ni mem tute ne povis imagi, kun kia ega rapideco ni flugis. Nur 40 minutoj, kaj ni jam estas feliĉe ĉe la restoracio malsupre. Ni haltis atendante je Ŝvarcvald.

— Hop-hop! hop-hop! — ni kriis — Ŝvarcvald!

Respondo ne alvenis. Nur la eĥo revenis el ĉiuj flankoj, kaj la steloj supre okulumis.

— Ŝvarcvald, kie vi estas? — ni komencis krii pli laŭte, tremvoĉe. Mi antaŭsentis malfeliĉon. Interne timo angoris. Ni reiris lin serĉi.

Tio longe daŭris; dume la maltrankvilo kreskis en ni. Ni timis paroli. Ni jam ĉesis voki »Ŝvarcvald«. Tiu ĉi vorto fariĝis por ni terura, tremigante ĉiun nervon en ni. Ni iris aparte afliktplene kaj silenteme serĉis, fine ni trovis lian veturileton mezvoje. Ŝvarcvaldon nenie ni vidis.

Ni denove vokis, kriis, sed vane!

— Kio povis okazi? — min demandis Sonjo; ŝia maltrankvila voĉo tremsonis nervoze.

— Mi supozas, ke li falis malsupren — mi diris.

— Falis malsupren?! — ŝi per la manoj kaptis sian kapon kaj komencis krii per voĉo sovaĝa:

— Savon! savon! savon!

Ankaŭ mi komencis krii kaj ĉirkaŭe eksonis niaj kriegoj, ŝajnis, ke ankaŭ la montoj tremas de timo.

Mi provis ekbruligi alumeton post alumeto; la vento ilin blovestingis kaj krome niaj manoj skuiĝis. Frenezajo miaflanke lumigi de supre en la abismon 200-metran per alumeto. Mi elŝovis mian kapon super la abismo preskaŭ mem elfalante, dume Sonjo senĉese kriegis. Alvenis homoj je nia alarmo, ili venis de supre kun lanternoj. Post momento ĉio klariĝis. La neĝmuro sur unu loko estis enpremita. De tie li enfalis. Por



J. Horejc *Kristala vazo*

# Li tamen pli bone fartas

— R. Harrer —

Ankaŭ Francisko Aŭstriano estas viktimo de la kriza tempo. Sed li, diference de milionoj da homoj, estas viktimo kun du ridetantoj okuloj.

Antaŭ malmultaj jaroj Aŭstriano havis monatan salajron de pli ol sescent ŝilingoj. Tiam li malbone fartis. Li havis ŝuldojn. Ĉiun duan monaton oni fermis al li la elektran lumon kaj la gason. Ĉion kvaronjaron oni almenaŭ kvinfoje devis lin denunci, ke li pagu siajn ŝuldojn. Lia edzino devis pagigi siajn ĉapelojn per siaj amikoj kaj, se Aŭstriano kartludis, li devis ĉiam trompi.

Aŭstriano nuntempe enspezas malpli ol 200 ŝilingojn, kaj oni ankoraŭ ne dekalkulis krizimposton, kromimposton pro tram-uzado, manĝosod-imposton, piedkalposedant-imposton.

Sed tamen Aŭstriano pli bone fartas ol antaŭe.

Kaj jen la kaŭzo:

Aŭstriano pricerbrumis ĉiujn ŝpar-eblajojn dum kelkmonata penslaboro.

Li studis ankaŭ la filozofion. Li pliproksimiĝis al la grandaj spiritoj.

Aŭstriano ne plu fumas. Ankaŭ Goethe ne fumis. Ĉu Goethe ŝategis bonan vinon, tio ne interesas Aŭstrianon. Li imitas nur tion, per kio li kapablas ŝpari.

Li ne trinkas vinon, ĉar ankaŭ la granda profeto malŝatis la vinberan sukon.

Li ne iras kafejon aŭ gastejon. Ankaŭ Kant sidis dum sia tuta vivo hejme.

Li aĉetas nur putrajn pomojn, kiujn li plejparte ja ricevas eĉ donace. Ĉe tio li pensas al Schiller.

Li ne iras kinon. Ankaŭ Dante ne vizitis dum sia vivo kinon.

Teatro estas al li fremda. Li nenie legis, ke Budho iam ĉeestis teatrajon.

Li ne trinkas kafon. Ankaŭ Cezaro ne trinkis kafon.

Li ne uzas tramon. Ankaŭ Marko Polo ne uzis ĝin.

Li ne uzas lifton, motorboaton, lornon. Aleksandro la granda, Kolumbo instruis lin pri tio.

Li ne legas librojn. Ankaŭ la fama Blücher ne legis.

Li ne aĉetas klubajn emblemojn, nek laŭtparolilon, nek gazeton, nek plumingon. Adam la Unua, Spinoza, Episkopo Gregoro, Ovido kulpas pri tio.

Li ne bezonas semajnfinan domon por la somero, nek pluvombrelon, nek alumetojn, nek pantalonfaldon. Kialo: Diogenes, Ulriko de Hutten, Sokrates, Wallenstein.

Kaj li pli bone fartas. Li ŝparas ĉiumonate 5 ŝilingojn. Li ĉiutage bezonas por la vivo unu ŝilingon, li kaj lia edzino povas vivi el tio. La resto apartenas al la ŝtato.

Oni ne plu fermas lian gason, nek la elektran lampon. Li ambaŭ ne bezonas. Li ne plu bezonas dum kartludo trompi, ĉar li ne plu ludas. Lia edzino ne plu bezonas amikojn, kiuj pagas ŝiajn ĉapelojn, ĉar ŝi ne plu portas tiajn.

Rezulto:

Aŭstriano kaj edzino fartas bone.

Sed tiuj ĉirkaŭ li fartas malbone, eĉ mizerege. La tabakvendejo, la kafejo, la kino, ĝis la ĉapelnegoco.

Kaj pri tio kulpas nur Aŭstriano, kiu vivas tiel malsocialan vivon, ke li fine tiel vivas, kiel li laŭ la enspezoj povas vivi.

La tuta mondo nur tiam fartos denove bone, kiam ĉiuj Aŭstrianoj ne plu vivos laŭ siaj enspezoj.

El la germana: *Minuŝka Mantel*

---

helpi estis jam tro malfrue. Nokte oni tien ne povas veni, krome tio ja estus nun tute superflue, ĉar estis neeble vivi post malsuprenfalo de tia alta loko.

VII.

Tiamaniere nia amiko pereis en la montoj.

Ni eniris la gastejon. Ni sentis akran malvarmon kaj estis lacegaj. Ni ne povis foriri de la loko, kie la akcidento okazis. Ŝajnis kvazaŭ la kadavro varmeta ankoraŭ kuŝus apud ni. Eble? Kiu scias? Eble li vivas tie kaj petas savhelpon?! Ni longe restis ĉe tiu loko. Minacis nin pereo pro la frosto. Fine la vivinstinkto instigis nin malsupreniri al la restoracio, kie ni luprenis dormĉambron. Sonjo ne senvestiĝis, ŝi sidis sur la lito apogante la kapon sur mian ŝultron. Ŝajnis al mi, ke ŝi ekdormis. Sed ne atendite ŝi komencis lamente plori laŭte, forte, kaj grandaj larmoj similaj al pluvgutoj fluetis el ŝiaj okuloj. Ŝia longdaŭra ploro estis tiel forta kaj freŝa kiel ŝia rido kaj parolo; tiel ploras homoj feliĉaj, kiam ili volas forlavi el la animo ian malfeliĉon.

Ŝi ekdormis sur miaj ŝultroj, poste mi kuŝigis ŝin sur la liton kaj mem eliris. La nokto estis frosta. Ĉirkaŭe estis silento. La blanka mondo dormis tenante en si junan vivon ĵus akiritan.

Strangsovaĝa deziro vokis min al la abismo, ŝajne promesante feliĉon kaj ripozon en sia profundo. Mi estis certa, ke, se mi tien irus, mi ne plu revenus, kaj mi ekstaris enpensiĝante. El la ĉielo brilis la steloj, rakontante pri eternoj, ĉe kiuj ĝojo kaj aflikto, feliĉo kaj ĉagreno, vivo kaj morto egalas.

Dum la tuta vojo reen al Munĥeno ni parolis pri li. Estis strange, ke ni reveturas nur du anstataŭ tri. Parolante mi diris mian juĝon al ŝi, ke laŭ mia opinio, li ne malsuprenfalis kiel la gazetoj skribis tion, sed li mem sin malsuprenĵetis.

— Kaj vi pensas, ke li min efektive amis? — ŝi demandis, kaj sur ŝia vizaĝo montriĝis la kontenta feliĉa rideto.

Ah, tiu ĉi rideto . . .

El la juda: *S. Guterman*

# PRINTEMPO FURIOZAS

## (OCUJA KOROSI)

— JUN'IĈIRO TANIZAKI —

Baldaŭ poste Tokubei proponis al la boatisto proksimume la jenon: »Vi devos atendi eterne por gajni la koron de la knabino. Sed ŝi estas juvelo tro kara por profundiĝi en la koton de malĉastejo. Volu do havigi al mi la knabinon por bona prezo, kaj mi provos, ĉu ŝi ne volus aperi kiel gejŝo pere de mia domo en Naka-ĉoo.« Por Seiji estis tre malfacile ŝin rezigni, sed li fine konsentis malgraŭvole, kiam li regis sian deziron, — kaj li retiris la manojn de ŝi.

»Se vi estus nun virgulino, la afero estus alia. Do, ĉu vi ne volus fariĝi gejŝo por min helpi tiamaniere?«

Ĉar li prezentis la demandon sub la masko de humila peto, ŝi ne povis ne konsenti. Se oni forvendos ŝin al malĉastejo, ŝi devos vivi pli malbone; do, ŝi ne povis sin elturni de tio. Tokubei savis ŝin el tiu ĉi malhonoro, kaj krome, tion li al ŝi proponis kaj petis, sin bazante sur la grundo, ke almenaŭ ŝia korpa ĉasteco estis protektota. Do, ŝi pensis, ke Ŝinsuke ne ofendiĝus, eĉ se li aŭdus tion en la postmondo. Ĉar neniam plu ŝi volis reveni al la gepatra domo, ŝi devis trovi ion, kio subtenos ŝian memstarecon, kaj io tia, por ŝi pensebla tiutempe, ŝajnis el ĉio nur unu . . . profesio de gejŝo, por kiu ŝi estis denaske ekipita plej bone. Post pripenso, al ŝi ŝajnis, ke tio estas propono, kiun ŝi eĉ deziras siaparte. Ŝi donis sian konsenton, do, sen ia ajn kontraŭstaro.

Aperinte kiel gejŝo, jam baldaŭ ŝi plene ĝuis la famon de unuarangulino. Ŝi kvitigis sian ŝuldon kaj nun estis libera por labori al si mem. Kvankam afkte ŝi pli malpli monŝuldis al Tokubei, tamen ŝi estis nun mastrino de sia domo. Kiam ŝi trovis sin denove libera por agi laŭvole, ŝi sekrete dungis homojn por labori pri la afero de Ŝinsuke, kiun ŝi neniam povis forgesi. Ŝia klopodo, tamen, restis neniom kompensita. Krome, la rakonto de Tokubei pri Santa kaj la boatistedzino pruviĝis perfekta vero. Ĉio ĉi nun helpis ŝin fine kredi la morton de Ŝinsuke. Ĉio iras laŭ la destino. Ŝi do lastatempe komencis vivi senzorge, kaj vivis kaprice, ĝuante tion, kion ŝia gaja naturo povis rikolti el ŝia nova vivo. Kaj neniu alia okupo estis pli interesa, ol tiu de gejŝo, laŭ ŝia opinio; nenio estis pli agrabla ol elpremi monon el trompiĝemuloj. Nun por kroni sian feliĉon, ŝi retrovis hodiaŭ nokte la delonge perditan amaton, kaj kia feliĉo estis al ŝi pensi, ke ŝi povas de nun subteni lian vivon kaj igi lin feliĉa same kiel ŝi estas!

Eĉ dum ŝi daŭrigis la rakonton, ŝi drinkis tre multe. Ŝiaj okuloj, rigardantaj fikse la liajn, ruĝflamis, kvazaŭ sango jam nun eliĝus el iliaj anguloj.

»Plenigu por mi la taseton, Ŝin-don!«

Ŝi petis eltenante la taseton, dume ŝovante sin al li pli proksimen.

»Pasis tre longa tempo, de kiam vi verŝis al mi trinki!«

»Cunjo, estas mi, kiu devas peti vian pardonon! Mi ne plu estas homo kapabla vivi kun vi!«

Ĉe tio, Ŝinsuke subite prenis al si solenan teniĝon, detenante ŝiajn manojn de si, kiam ŝi premis sin al li ankoraŭ pli proksimen. Li rakontis pri sia terura krimo, detale kaj tiel rekte, kvazaŭ li volus ĝin ĵeti kontraŭ la vizaĝo de la knabino trovanta sin ĉe la zenito de sia korĝojego.

» — Do, vi vidas, ke mi devas iri kaj ricevi la punon, jam morgaŭ. Alie mi ne scias, kiel min senkulpigi antaŭ la homo en Narihira-ĉoo. Morti — morti, se unu fojon mi nur povos vin revidi — mi decidis de tre longe! Pardonu al mi ĉion!«

Li ekploregis ĵetante sin surplanken.

»Se vi devas morti, ankaŭ mi ne volas vivi. Sed vi estas tro malkuraĝa kiel kutime!«

Sen rimarkinda elmontro de ia ajn aparta emocio, Cuja diris tion lakone, eĉ kun oscedo, dum ŝia korpo restis senorde malstreĉita, kiel tiu de drinkema ebriulaĉo perdinta al si regpovon.

»Kompreneble mi estas kulpa en ĉio,« ŝi daŭrigis. »Sed ju pli mi aŭdas vin pri la murdo al ili, des pli mi pensas, ke vi havis sufiĉan kaŭzon. Ankaŭ pri la edzino de Seiji, por tiel diri, vi venĝis vin tiamaniere, — mi trovas nenion kulpan ĉe via flanko. Fakte, mi ĝojas, ke vi faris tion. Mi ĝojas, efektive! — Nu, aŭdu, Ŝin-don, eĉ se vi ne elmetos vin al la puno, la maljunulo de Narihira-ĉoo ja ne akuzos vin sekrete, ĉu ne? Neniu alia scias pri via afero. Cetere, oni ne laŭdas troan honeston, lastatempe!«

»Kion vi diras?«

Li miregis, kaj fiksis sur ŝi severan rigardon de riproĉo. Sed kiam li komencis ŝin konvinki, lia voĉo havis peteman moltonecon.

»Certe vi ne parolas senkaŭze, mi vidas. Sed neniel mi povas min pardoni, se mi restus sen puno. Elpaŝi, konfesi ĉion, kaj ricevi punon al mi meritan, — jen, tion mi ŝuldas al mia mastro, mia maljuna patro, kaj Kinzoo. Verdire, mi havas ion por peti, — tio estas la lasta deziro de mia vivo. Mi deziras, ke vi forlasu jam tian vivon — eĉ unu tagon ju pli frue, des pli bone, — kaj revenu al viaj gepatroj. La mastro zorgas pri vi tiel, ke li kuŝas nun malsana de la lasta jaro; kaj se vi ne sciis tion, jen eksciu nun. Al li lasu vin revidi, kaj li estos feliĉega, mi scias; li ne estas tia homo, kiu plendas pri vi tiel longe, nek tia, kiu realudas tion, kio okazis kaj forpasis. Pri la konto, kiun vi ŝuldas al Tokubei, vi povas diri al via patro, kaj li estos tuj preta likvidi ĝin por vi, mi estas certa!«

»Jam sufiĉe! Mi ne ŝatas pensi eĉ momenton pri tio!« ŝi forturnis sian vizaĝon en momenta ofendiĝo. »Mi scias, ke mi apartenas al la loko, kie mi nun estas, kiel mi ĵus diris. Ĉio por *sinjorino* al mi estas nenio, al mia gusto nenio. Se vi amas min, lasu min tiel!«

»Jen denove la obstineco malnova! Kia koro ne aŭskulti la vortojn de homo mortonta! Pro tio doloras mia koro! Mi ne vidis, nek aŭdis pri tia sendankemulo, kiu ne pensas pri la amo al siaj gepatroj. Aŭ, ĉu tio signifas, ke via okupo kiel gejŝo igis al vi putriĝi vian koron?«

»Putriĝi, — jes, mi putriĝis! Mi ne havas plu bonecon pensi pri mia paĉjo kaj panjo, — eĉ en sonĝo ne!«

Ŝi levis la ŝultrojn kun obstina indiferento. Tamen, subite alpremante la vizaĝon sur liajn genuojn, ŝi komencis apelacii kaj petegi kun korŝiraj plorĝemoj.

»Pro kio ni revidis nin post tiel longa tempo? Ĉu nur por malpaci kaj senti nin mizeraj? Ĉar vi ne pravas, Ŝin-don! Estu plenumata via deziro, — via lasta deziro, kiel vi diras, — petu al mi ion ajn, kaj mi plenumos ĝin. Sed, neniam mi lasos vin submetiĝi al la leĝo! Eĉ se vi volus morti, mi ne lasos vin! Foriri mor-

gaŭ jam, revidante min nur ĉinokte, — ho, tro senkora vi estas!«

Skuite de la sovaĝa pasio de la virino, kiu ne volas aŭskulti veron, nek konsilojn, Ŝinsuke falis en senhelpan silenton, kvankam lia decido restis senŝancele. Ŝi do fine ŝanĝis sian decidon.

»Do, mi tro ne trudos al vi mian ideon. Almenaŭ ni estu geamikoj denove. Kaj restu du-tri tagojn ĉe mi, sur la supra etaĝo.«

Ŝi insistis, petis, apelaciis al lia koro.

»Memorante vortojn maldolĉajn kaj ne rebonigitajn inter ni, mi ne povos renkonti la morton en paco.«

Tiel Ŝinsuke celis apologion al sia konscienco kaj samtempe provon por glori sian malfortecon antaŭ ŝi; li cedis fine al ŝia peto.

»Ni ne povas senti nin kiel hejme, nek liberaj parolante ĉi tie. Antaŭ ol vi ŝanĝos vian koron, ni forlasu ĉi tiun lokon. Ni trinku ĉe mi, sur la supra etaĝo.«

Cuja estis nun feliĉa virino, feliĉa supermezure. Ekstarante ŝancele pro ebriego, ŝi prenis lian manon kaj urĝis lin iri, persiste.

Ili estis singardaj kaj forlasis la restoracion aparte unu post la alia. Ili rekuniĝis ĉe proksima vojangulo. Laŭ la vojo trempita en la pala lumo de nebulvualita luno, sin kondukis la ombroj de la geamantoj, kun koro plena de nedirebla emocio, kiel en tiu nokto de ilia forkuro. La vojo etendiĝis laŭ la bordo de kanalo, havante domvicon nur unuflanke. Sur la vojo, kontraŭ la ĝardeno de la templo Eitaiĵi, staranta en la korto de la sanktejo Haĉiman... tie vidiĝis domo kun lanterno, pendanta ĉe la enirejo, kaj lumiganta la nomon Cuta-ja«... tio estis la nuna loĝejo de Cuja. La domo mem ne estis tre granda, sed sub ŝi laboris du-tri kantistinoj kaj servistinoj ĉiam pretaj; la elektitaj lignaĵoj kaj mebloj, metitaj en la supraj ĉambroj, montris, ke ŝi vivas tre komforte. Malgranda knabino de dek-kvin aŭ -ses jaroj elvenis ĝis la latpordo ĉe la enirejo por saluti la mastrinon, kiu flustrinte ion en ŝian orelon, eniris, demetis rapide la getaojn, kaj kondukis lin supren laŭ la ŝtuparo.

La tagoj, kiam ili ĝuadis la amon sekrete, sed tiom pli dolĉe ĉe Suruga-ja; kaj la dudek aŭ pli da tagoj, pasigitaj ĉe la domo de la boatisto apud la kanalo Onagi, kiam ili ĝoje sin donadis al freneza amo, ne plu ĝenate de timo, nek de zorgo, sed foje ricevante incitetajn ŝercojn de boatistoj, kiuj ŝajnis tamen nur aldoni pluan plezuron al ilia ĝojo: — pri tiuj tagoj Cuja tre dolĉe rememoris, kaj la rememoroj el la pasinto igis ŝin bedaŭri pri ilia amo, kiu estis jam finiĝonta tiel rapide kaj tro vane.

»Mi rememoras, ke vi iam riproĉis min, kiam mi nomis min laŭ la maniero de gejŝo; sed vi ne zorgos plu pri tio, eĉ se mi nun faros same, ĉu?«

Kaj ŝi jam komencis paroli en la malbontona lingvo de sia klaso. Kiam ŝi aŭdis, ke li nomas ŝin per nefamiliara nomo, — ĉar li kutimis tion, — ŝi riproĉis lin pro tiu maniero, kiun ŝi sentis malvarma. Almenaŭ nur por tiu ĉi nokto, ŝi petis al li senti ŝin kiel sian veran edzinon kaj nomi ŝin »O-Cuja«*) »Kaj por tio, mi ne plu nomos vin ‚Ŝin-don', « ŝi diris, »sed ‚Ŝin-san' mi nomos dece al mia edzo.«

Al li suficis jam trinki, kaj li ne deziris plu. Sed ŝi ne volis aŭskulti kaj donis al li trinki kvazaŭ verŝe en la buŝon. Ŝinsuke povis trinki tre multe antaŭe. Nun, strange, li tre facile malvenkis sub la efiko de sakeo.**) — ĉu pro tio, ke li sciis nun la veran guston de sakeo? Laŭ la profundiĝo de la nokto, li sentis la sakeon penetri pli kaj pli internen en la korpo, eĉ ĝis la medolo de siaj ostoj.

Malmultaj tri tagoj da restado, kaj tio estas la fino de ilia amo por ĉiam; la penso donis al ili finan kuraĝon, kaj agordis ilian koron. Sidante antaŭ la elmetitaj teleroj menditaj ĉe najbara restoracio, ili malplenigis unu botelon da sakeo post alia, de mateno ĝis vespero. Ne dormante, nek vekiĝante, la pasifreneza paro vivis nur por pasigi la tagojn, ĝis, ĉe la fino de tiuj tri tagoj, ili estis tiel ellacigitaj, ke ili sentis sian konscion tre konfuza kaj nebula eĉ en maldormado. Kaj post ĉio ĉi ili rimarkis, ke al ili restas nenio, kion ili povas rememori precipe dolĉe. La plej feliĉa rememoro, post ĉio, ŝajnis esti tiu de la unua vespero; tiuj momentoj de ilia rapida forkuro de la restoracio Obanaja. Kaj sola afero, reveninta al la koro de Ŝinsuke kiel nebula rememoro estis, ke li diris al ŝi ironie, ĉirkaŭ la tagiĝo de tiu tago, sub la terura influo de sakeo:

»Vi fariĝis tre lerta en parolo, sed mi dubas, ĉu vi, en la fundo de via vera koro, amas min eĉ duonon malpli, ol vi kutimis antaŭe. La viro Tokubei, mi scias, estas homo kun mono, prudento kaj ĉio alia; — kia diferenco inter li kaj mi! Ju pli frue mi donos min al la oficialulo, des pli bone estos por vi, mi scias!«

»Ho, sensencaĵo! Se vi intencas ludi la ĵaluzan edzon por min amuzi, jam ĉesu! Neniam mi ĝuis tian aferon. Mi ne scias, kion vi pensas pri mi, sed mi scias, ke — escepte al vi, al neniu mi donis min —«

»Tiom pli strange do, ke Tokubei pagas por vi tiel multe!«

»Jen tio venas de mia talento! Mi estas sensperta en murdo, sed en ruzaĵo, mi havas ion, kion vi devas ankoraŭ lerni de mi.«

Tuj per tio Ŝinsuke kontentiĝis. Li pentis sian malfidemon, larme dirante pro ĝojo. »Pardonu! Pardonu!«

»Al mi, konanta nenion pri via vivo, ĉio aspektas tiel strange, ke mi nevole fariĝis suspektema. Sed nun, kiam mi aŭdis sufiĉe el via propra buŝo, — mi povas iri kaj morti feliĉa!«

»Vi estas kutime tre kvieta kaj bona, neniam dezirante por vi tro multe. Do, kelke da ĵaluzaj vortoj el via buŝo foje sonas al mi tre dolĉe — igas min deziri ami vin pli!«

Neniam ankoraŭ li pensis ŝin tiel aminda, kiel en tiu momento. Li volis, deziris ami ŝin pli arde; en la tumulto de sia koro li fariĝis tiel kuraĝa, ke li volis eĉ krii, »Lasu ĉion esti malbenata!«

»Nu, Ŝin-san, ĉio venis ĝis ĉi tio; kia diferenco do, se vi restos tiamaniere iom longe aŭ mallonge? Restu kun mi almenaŭ duonjaron, mi petas!«

Cuja vigligis sin por profiti la okazon; ŝi kvazaŭ elverŝis sian tutan koron en la vortojn, penante movi lian koron. Kian respondon tiam ŝi ricevis, li ne memoris nun, — ĝi estis, por tiel diri, tre malcerta, sed montranta, se ion, lian decidon vagi tien, kien ŝi volis. Kaj estis certe, ke li havis tian koron en tiu horo.

Poste sekvis dormeto, el kiu ili ne vekiĝis ĝis la dua horo posttagmeze. Denove ili komencis trinki; sed, pro kia kaŭzo, ili sentis en sia koro nenian ĝojemocion, kian ili atendis eksenti, kiel rememorojn el la matenaj horoj. La lasta vespero estis alveninta, kaj

*) Estas kutime, ke la edzo vokas la nomon de sia edzino sen ia ajn honoriga vorto, dum la edzino parolas al li en pli ĝentila maniero.

**) »Sakeo« estas alkoholaĵo el rizo kaj la plej populara trinkaĵo inter la japanoj.

# La nederlanda literaturo

— Joh. Hartog —

La 17-a jarcento komenciĝas, la *Ora Epoko* precipe por Holando (do la parto de Nederlando!). Amsterdamo estas la centro: *Pieter Corneliszoon Hooft* (1581—1647; *pr.*: Pit:r Kornéliso:n Ho:ft) kolektas ĉirkaŭ si la konatan Rondon, kiun li levas sur gravan nivelon: Hooft ja estas landjuĝisto kaj okupas tre distingan lokon en la socio. Oni turnas sin al la klasikuloj: Laŭ la ekzemplo de la latina aŭtoro *Tacitus* (ĉ. 54-ĉ. 117; *pr.*: táĉitus) Hooft ekverkis siajn *Historiojn*, en kiu li sekvas eĉ la frazkonstruon de sia pli granda antaŭulo, kiun li tiucele tralegis 52 fojojn! Kiel poeto li verkis lirikan poezion (soneto) de alta kvalito, kaj dramojn de multe pli malalta kvalito. En liaj dramoj la lirikaj partoj estas impresaj, sed la karakteroj mem estas malfortaj. Samkiel ĉe la retorikuloj (vidu supre) alegoriaj personoj rolas.

*Coster* (1579—ĉ. 1650; *pr.*: kóst:r) kaj *Breeroo* (1585—1618; *pr.*: bréro) el la sama tempo verkis laŭ ekzemplo de l' antikveco; precipe la lasta estas konata pro ŝercaj rakontoj kaj poemetoj.

Unu el la malaltrangaj vizitantoj de Hooft estis *Vondel*, malriĉa ŝtrumpvendisto, sed antaŭdestinita por fariĝi la »princo de niaj poetoj«, kies nomo estas nomata kun preskaŭ pia respekto sur la tuta tero. Li naskiĝis en 1587 en Kolonjo, kien estis rifuĝintaj liaj gepatroj pro sia kredo (baptistoj). Baldaŭ jam ili translokiĝis al Amsterdamo, kie la patro posedis ŝtrump-butikon. Jam dum sia junaĝo Vondel montris talenton en la poezio kaj laŭ la kutimo de tiu tempo li do membriĝis al klubo de poetoj, per kiuj li kontaktiĝis kun la Rondo de Hooft, antaŭ kies opinio li havis plej altan respekton! Edziĝinte li havis iom da feliĉo, sed jam baldaŭ lia filo preksaŭ bankrotigis la patron. Krome jam frue mortis la edzino (1635). En 1641 li eniris la Katolikan Eklezion kaj pro tio li devis perdi multajn amikojn: kiel multaj konvertitoj Vondel tiel verve ekverkis pri la Eklezio, ke li indignigis siajn konatojn. La rilatoj inter Hooft kaj li ĉesis. En pli fruaj verkoj, la *Gysbreght van Aemstel*[4]) el 1637 oni jam povas trovi elementojn, kiuj pensigas pri la katolika kristanismo. Krome la Katolika Eklezio konservis plej multon el la antikva tempo: la idealo de Vondel. Ankaŭ la kvereloj inter la protestantaj sektoj naŭzis lin (kaj tiuj sektoj kverelas ankoraŭ nun!). Pro sia filo li perdis sian tutan havon kaj en 70-jara aĝo li devis akcepti postenon de gardisto ĉe banko. En 1679 li mortis, simpla kaj sincerkora kaj pia homo.

4) Esp.-trad. de J. G. R. Isbrücker, ĉe eld. Thieme, Zutphen, Nederlando (valora traduko).

Sendube Vondel estas la plej granda drama poeto de la nederlanda literaturo.

Siajn temojn li trovis ĉie: en la naturo, la kreo, pieco, malĝojo, funebro, admiro. Oni povas kompreni, ke multaj homoj petis tian poeton skribi okazajn poemojn por geedziĝo, enterigo k. s. kaj pro malhavo de mono li ja devis akcepti. Kaj ni escepte vidas, ke eĉ tiuj menditaj poemoj estas de l' plej alta kvalito: plej ofte ja menditaj artaĵoj ne multe valoras. Vondel tamen scipovis. Ĉar la plimulto el miaj legantoj ja ne povas havigi al si liajn poemojn, ne necesas doni serion da titoloj, kiuj nur malvigligus mian studon. Kiel jam supre dirite, Vondel skribis poemojn ankaŭ pri sia konvertiĝo, en kiuj li akre, kelkfoje tro akre kritikis alipensulojn!

La plejprofundon de l' homa animo ni gustas en la ĥoroj de liaj tragedioj. Lian tutan poetan animon ni sentas en ili, kiam li prikantas la belon de l' naturo, la geedzan amon[5]), kiam li gloras Dion k. t. p. Oni trovas ilin en liaj dramaj verkoj nombregaj (32, el kiuj 24 originalaj). Ne estas eble en konciza studo doni skizon pri la disvolviĝo de liaj dramaj konceptoj. Dum la posta tempo li klopodis ĉie sekvi la ekzemplojn de tiuj dramistoj, kies verkoj neniam trovis antaŭ li, nek post li ĝis la nuna tempo, »konkurantojn«, tiun de la grekoj. Por Vondel la arto havis religian valoron kaj ĉie en la historio ni vidas, ke la arto nur tiam suprensvingiĝas alten, se ĝin subtenas la religio. *Adamo en Ekzilo* (1664) havas la subtitolon: »la tragedio el ĉiuj tragedioj«, ĝi ja rakontas pri la defalo de l' homo, la plej mizera por Vondel. *Lucifero* (1654) rakontas pri la defalo de l' anĝeloj. Ĉi tiuj du nomitaj estas por mi persone ĉiam la plej impresaj, enormaj el lia verkaro, eĉ, el la tutmonda literaturo.

Aliaj dramoj estas la jam nomita Gysbreght (1637), verkita por la malfermo de urba teatro en Amsterdamo; *Jozefo en Dothan*, *Jeptha*, dramoj kiuj sin bazas sur bibliaj rakontoj. Vondel tamen timis tro multe deiri de la biblia rakonto, kaj tio ofte malhelpis lin plene ellabori la temon. Ankaŭ la fakto, ke Vondel kompreneble sin tenas je la »tri unuoj de Aristoteles« (tempo, spaco kaj loko) devigas lin akcepti iom longajn monologojn. Tamen la ritmo kaj sonpleneco de l' versoj riĉe kompensas ĉi tion.

Alia vizitanto de la Rondo estis *Constantijn Huyghens* (1596—1687; *pr.*: konstantejn heúg:nz), verkinto de multaj pensigaj poemoj. Li precipe sin distingas per vortludoj, trafpensoj, spritaĵoj. Pri la lastaj atestas liaj

5) En la Gysbreght-traduko, verso 1239 k. t. p.

---

ĝi estis ankoraŭ frua, tamen ili nur sidis tie, senhelpe kaj forlasite en malgajeco. Nun ŝajnis troviĝi nenia savo por ili. Ili provis trovi en ebrio la helpon, kiu malpezigos ilian koron. Tamen, ju pli da trinko nur kaŭzis des pli da kapdoloro, ĉiam pli premante ilian koron. Profunda soleco post la orgio nun atakis ilin.

»Ŝin-san, mi esperas, ke vi ne forgesis, kion vi diris al mi hodiaŭ frumatene.«

Post mallonga silento Cuja ekparolis kvazaŭ pikita de okaza ekpenso, kaj ŝia sobra, serioza tono estis tiel fremda al ŝia kutimo, ke ĝi pli ŝajnis alprenita por ellaborita efiko. Se ne duonjaron, almenaŭ du-tri tagojn plie; ŝi ripete petis lin resti por ankoraŭ unu fojon havi agrablajn momentojn per trinko, kaj poste adiaŭi. Ŝinsuke estis nemovebla pri sia decido por morgaŭo, kaj nur petis ŝin reveni al sia gepatra domo. Ambaŭ ne cedis unu la alian; ilia penso apartiĝis, kaj ili pli profundiĝis en malgaja silento.

»Ho, al kio utilos? Al kio utilos ĉio ĉi tio?«

Ŝi murmuris senkonsole kaj ekstaris. Ŝi revenis kun samiseno.*) Pli kolere ol vigle, ŝi forŝovis la glitekranon ĉe la verando. Sidiĝinte sur la sojlon ŝi komencis ludi la samisenon. Ŝia ĉarmoriĉa voĉo, pri kiu ŝi prave fieris, plenigis la ĉambron per siaj melodiaj vibretoj, eĉ haltigis la paŝojn de kelkaj homoj, preterirantaj malsupre sur la strato.

»Ĉu vi ne aŭdas la vortojn de la kanto? Ho! vi sentas la spiriton de tiu ĉi muziko, kaj ankoraŭ volas disiĝi, ĉu?«

Ŝiaj okuloj kvazaŭ elokventis per tiaj vortoj de apelacio, dum ŝi ĵetis al li rapidan ekrigardon de tempo al tempo el siaj okulanguloj. Fore trans la balustrado de la verando, super la arbopintoj, leviĝantaj super la templo, etendiĝis nokta ĉielo inkrustita per belaj steletoj, kiuj briletis kvazaŭ rigardante la figuron de Cuja.

*Daŭrigota* — El la japana: *J. Ŝimomura.*

*) »Samiseno« (japane: samisen, aŭ ofte elparolata Samisen) estas muzika instrumento kun tri kordoj. Ĝi ludas ĉiam ĉefparton en muzika prezentado donata de geiŝo.

*Mor-bildoj* (Zede-printen), en kiuj li trafe karakterizas plurajn personojn.

Multe pli facilan poezion verkis la pastro-poeto *Van der Wielen* (1579—1630: *pr.:* Van d:r vil:n), temantan precipe pri religiaj aferoj en perfekta formo.

Flanke de tiu alta nivelo de l' poezio, la prozo tamen restadis sub la mezkvalito. *Hooft* verkis siajn Historiojn, sed li ĝin faris kiel sciencan laboron kaj ne por doni literaturon, samkiel ĉe Tacitus. Sukcesa escepto estas la romano de *Van Heemskerck* (1597—1656: *pr.:* hé:mskerk), la *Batava Arkadio* (Batavische Arcadia), verkita laŭ itala modelo.

Jam tuj en la dua duono de la 17-a jarcento sekvas malprogreso. Pli kaj pli oni komencas preni la francojn ekzemploj. Favorato de Vondel estas el tiu tempo *Van der Goes* (1647—1684: *pr.:* gus), kiu verkis i. a. epopee-lirikan poemon pri la paco inter Britujo kaj Nederlando en 1667, kaj verkon pri monumentoj laŭlonge de unu el niaj riveroj. Lia stilo kelkloke estas iom ŝvela. *Jan Luyken* (1649—1712; *pr.:* jan leúk:n) estis pentristo, akvafortisto kaj poeto. Per siaj piaj poemoj li forte influis sian tempon, eĉ nuntempe ankoraŭ kelkfoje citataj.

Pro internaj malfacilaĵoj en la teatro, inaŭgurita per la dramo de Vondel, estiĝis konflikto en la teatra mondo. Subite oni sin turnis al la franca arto de Corneille kaj Racine. Nur la francoj liveris taŭgan laboron. Fervore oni ektradukis iliajn verkojn, kies ĉefa reprezentanto estis *Thomas Asselijn* (1620—1701; *pr.:* ás:lejn), fama pro burleskaĵoj.

Tiel daŭris: la formo superis la enhavon ĝis en la 18-an jarcenton. Nur kelkaj kontraŭstaris tiun tendencon, i. a. *Pieter Langendijk* (1683—1756; *pr.:* pit:r láng:ndejk), aŭtoro de pluraj, tre bonaj komedioj. La plej konata el tiuj estas *La Reciproka Geedza Trompo*, satiro kontraŭ la samtempanoj.

*Poot* (1689—1733; *pr.:* po:t) estis la kamparana poeto. Jam dum la juneco li komencis la versfaradon, sed baldaŭ li sekvis la ekzemplon de Vondel kaj Hooft. Pro malgranda instruiteco tamen, li ne povis kompreni ties arton, sed estis kaptita de amo al la antikva Arkadio, kies pejzaĝojn li komparis kun la nederlandaj kaj tiel prikantis. Kelkloke travibras profunda anim-moviteco kaj en tiuj lokoj li plej multe impresas per sia liriko.

Dum la nuna tempo ĉiuj literaturaj skoloj posedas sian revuon kaj en tiuj tempoj aperis tia en nia lando: *La Holanda Spektatoro* (1731), redaktata de *Van Effen* (1684—1735; *pr.:* éf:n), laŭ la angla ekzemplo de Addison kaj Steele. Krom studoj pri aktualaj problemoj, li publikis tie kelkajn literaturajn verkaĵojn, precipe interesajn el psikologia vidpunkto. Post lia morto la revuo ĉesis aperi, sed granda aro da novaj pli malgrandaj daŭrigis tiun taskon.

El la norda parto de Nederlando mi mencias el ĉi tiu tempo de senmovaj ripozo-scenoj la du fratojn *Van Haren* (ĉ. 1750), el kiuj unu verkis epopeon pri *Friso, reĝo de la Gangaridoj*, el la tempo antikva (Aleksandro la Granda); Malgraŭ lia preciza observo de la reguloj, lia verko tamen nur duone sukcesis pro interna malunueco. Ankaŭ lia frato ne estis tre feliĉa en la verkado, sed oni ja devas mencii ilin, ĉar dum tiu epoko ja tute malestis veraj talentuloj. Eble la plej bona el tiu tempo estas la verkaro de *Fraŭlinoj Wolff kaj Deken* (ĉ. 1750; *pr.:* vólf — dék:n), kies ĉefa verko estas la *Historio de fraŭlino Sara Burgerhart* (1782), romano en leteroj, do hodiaŭ ne tre ŝatata formo.

Same kiel en Germanujo oni eldonas longajn filozofiajn traktaĵojn pri la arto. Ĉe ni *Van Alphen* (1746—1803; *pr.:* álf:n) tion faras, kvankam li nur malmulte ŝatas la germanan arton. Ĉefe konata li estas pro siaj poemoj por infanoj, per kiuj li tute laŭ la kutimo de tiuj tempoj intencis »instrui« la junularon. Treege bravaj knabetoj kaj treege dolĉaj knabinetoj tie rolas kaj devas esti ekzemploj por la vivanta junularo, kiu ja estas tute alia! — Granda admiranto de l' germana arto estis *Rhynvis Feith* (1753—1824; *pr.:* réjnvis fejt), aŭtoro de kelkaj nun ne plu ŝatataj romanoj kaj poemoj. Liaj dramoj,

## *La orkonkerantoj*

– J. M. Heredia –

Kiel girfalkoj flugas el naska nesto stala,
ĉar porti plu l' orgojlan mizeron ili lacis:
tra Palos de Mogero bandestroj, trampoj pasis,
ebriaj de revado heroa kaj brutala.

Por la akir' de l' fora trezor' fabelmetala,
kiun Cipango fruktas en minoj, ili ĉasis,
kaj per la tradaj ventoj mastojn kliniĝi lasis
al okcidenta bordo mistera kaj fatala.

Vespere, en espero de morgaŭoj glorigaj,
lazuro fosforbrila de la maroj tropikaj
ilian songôn sorĉis per trompvidaj' orita,

Aŭ, antaŭenpeladante la plankajn karavelojn,
ili rigardis, antaŭ ĉiel neesplorita,
el Ocean' profunda ascendi novajn stelojn.

El la franca: *G. Waringhien*

jam pli bonaj, ne havas agon, do ne tre allogas. *Bellamy* (1757—1786) kontraŭe iom mokis la germanan arton kaj en liaj poemoj oni jam sentas ian strebadon al vera naturo kaj simpleco. Krome li verkas senrimajn poemojn: reago kontraŭ la antaŭa tempo, kiu, kiel ni vidis, ĝisekstreme sekvis la formon, eĉ kun senzorgo al la enhavo. Ankoraŭ pli forte reagas *Johano Kinker* (1764—1845; *pr.:* kink:r), kiu propagandis la filozofion de Kant en nia lando. Li iom moke kritikas siajn samtempajn poetojn, poste tiun kritikadon daŭrigas *Bilderdijk* (1756—1831; *pr.:* bild:rdejk). Dum tiuj tempoj la nederlanda regiono trapasis krizon en politika kaj ekonomia rilatoj. La naciisma movado, sentebla en eksterlando (Germanujo, Fichte k. a.), ekregis ankaŭ en Nederlando. Tiun reagon kontraŭ la antaŭo ni jam vidis ĉi supre. Precipe ĉe Bilderdijk tiu reago estas sentebla. Post 1830 la malvigla tempo ŝanĝiĝas. Pro tiu reakcia tendenco ankaŭ multaj ne povas ŝati Bilderdijk, kiu jam dum la junaĝo gajnis premion per poemo. Lia karaktero estas senharmonia kaj incitiĝema kaj post malfacila junaĝo li produktas enorman verkaron, kiu precipe estas didaktika. Biografion pri Bilderdijk verkis lia disĉiplo *Da Costa* (1798—1860; *pr.:* kósta), kiu krome eldonis multajn verkojn kun kritiko kontraŭ la tiutempa spirito. Estante judo, li transiris al la Evangelia Eklezio sub influo de Bilderdijk kaj kiel fervora konvertito li estas la fondinto de la t. n. *Réveilmovado* en nia literaturo, nomata per franca nomo, ĉar en la aristokrataj medioj oni tiutempe parolis nur la francan. La *Réveil* (Vekiĝo) estas movado en la evangelia literaturo, kiu precipe liveris multajn poemojn (inter ili tre belajn, sed ankaŭ multajn senvalorajn) pri religio k. t. p. Same reakcia estas la poeto *Helmers* (1767—1813: *pr.:* hélm:rs), kiu gloris en sia verko *La Holanda Nacio* la agojn de famoplena antaŭularo kontraŭ la franca reĝimo, kiu tiutempe regis en Nederlando (Napoleono). En lia tempo oni altege ŝatis lian poezion, nuntempe oni ĝin sentas ŝvelparola en plej alta grado. Tiajn vortŝvelajn produktojn oni ofte trovas en tiu tempo de reakcio.

*Staring* (1767—1840; *pr.:* stáring) jam estas vera poeto, sed li ĉefe verkis t. n. intelektan poezion, nuntempe ne tiel ŝatatan. Liaj pensoj tamen estas originalaj kaj freŝaj kaj la eksterordinara zorgo pri la formo faras lin unu el la ĉefaj poetoj de tiu tempo. Li neniam populariĝis, verŝajne pro la tro granda pensiga faktoro en siaj poemoj. Ankaŭ sur lirika kampo li sukcese laboris kaj montras altan spiriton kaj profundan piecon. Eble plej konata de pli grandaj amasoj li estas pro siaj trafaj epigramoj kun tre komika enhavo.

Lia samtempano *Tollens* (1780—1856; *pr.:* tóll:nz) kontraŭe apartenas al la plej popularaj poetoj. La tri ĉefperiodoj de lia verkaro estas tiu de patrujaj kantoj, la doma poezio (okaze de geedziĝo k. t. p.) kaj moralinstruaj, kiujn oni tre ŝatis en lia tempo. Nuntempe lia poezio estas tro sentimentala kaj tro senmova.

Feliĉe ni estas ĉe transira epoko al pli grava kaj pli emocia tempo! Jam ĉie sentiĝas reakcio kontraŭ la racionalismo: la *romantiko.* Mi jam parolis pri la Réveil-movado de Da Costa, sed tiu movado sin limigis je certa grupo da personoj: evangeliaj kristanoj. Tamen la fakto, ke por Da Costa la fido, la kredo estis la ĉefaĵo, jam montras, ke ni estas en tempo de io alia ol nura pensado pri logiko k. t. p. Byron kaj Victor Hugo trovas disĉiplojn, same la germanoj Lessing, Schiller kaj Goethe; precipe ilia influo je la kritiko estas notinda. En libroj kiel Camera Obscura (vidu poste) oni sentas la spiriton de l' anglo Dickens.

*Jakobo van Lennep* (1802—1868; *pr.:* lénn:p) komencas sian ampleksan verkadon sub influo de Walter Scott. Precipe Van Lennep famiĝis pro siaj historiaj romanoj, kiuj ankoraŭ nun estas legataj, malgraŭ la fakto, ke ili estas iom longaj por nia tempo kaj ne havas tro akran karakterskizadon. Tamen ili streĉas kaj lian ĉefverkon *Ferdinand Huyck* (1840; *pr.:* férdinant heuk) ĉiu ankoraŭ kun plezuro legos. Ankaŭ liaj aliaj verkoj montris grandan paŝon antaŭen, sed pro troa longeco oni ne tuj komencas la legadon dum la hodiaŭa tempo. Alia verkisto de historiaj romanoj estas *Oltmans* (1806—1886), kiu estas pli kompetenta en la historio mem ol Van Lennep, kies verkoj enhavas ankaŭ karakterskizadon, sufiĉe trafan kaj donas impreson pri freŝo kaj naturo. Ankaŭ *Jan Schimmel* (1823—1906; *pr.:* shím:l) eldonis historiajn romanojn, plenajn de aventuroj kaj intrigoj.

Tute alia speco de romano estas la orienta romano. *Van Limburg-Brouwer* (1829—1873; *pr.:* límbürg braúv:r) eldonis sian ankaŭ en Esperanton tradukitan romanon *Akbar,* parte historian, parte fiktivan verkon, kiu rakontas pri la statoj en la orientaj landoj tempe de la filozofo Akbar.

Sed jam baldaŭ oni nun ekvidas la plej gravan signon de l' reviviĝo. La literaturaj revuoj, ankoraŭ postvivantaj el antaŭa epoko, estis suprajaj kaj la kritikistoj nur laŭdis siajn viktimojn pro timo, ke ili mem venontfoje ne estos laŭdataj. En 1837 oni fondas tre gravan, ankoraŭ nun ekzistantan revuon *Gids* (Gvido) por kritiko kaj publiko de novaj verkajoj. Gvidanto estis *Potgieter* (1808—1875; *pr.:* pótgit:r), kiu estas plena de admirado antaŭ la Ora Epoko de la 17-a jarcento. Tre persona karaktero kaj malfacila verkaro ne faris lin populara. Kiel kritikisto li plej unue postulis originalecon de la aŭtoro (simpatio al Staring). Lia helpanto estis *Bakhuizen van den Brink* (1810—1865; *pr.:* bákheúz:n van den brink) la instruita historiisto, kiu malmulte verkis, sed pro sia persono ankoraŭ pli influis ol Potgieter.

La poezio estas sur tre malalta nivelo dum tiuj tempoj, escepte de tiu el la plumo de Potgieter. La poezio estas, post la longa tempo de fremda regado, tre patriotisma, sed aliflanke la pastroj-poetoj absolute misformas la poezion subigante ĝin al siaj teorioj kaj fabrikante ĉiajn instruajn poemojn. *Nikolao Beets* (1814—1903; *pr.:* be:ts) certe estas la plej multe legata aŭtoro. En siaj poemoj li estas tro multe pastro (evangelia), tro dolĉa kaj edifa. Lia plej bona proza verko estas *Camera Obscura* (1839), kiu enhavas krom enuigaj paĝoj ankaŭ multajn tre interesajn kun skizoj el la burĝa rango.

Aliaj pastroj-poetoj estis *Ten Kate* (1819—1889; *pr.:* ten kat:) kaj *De Genestet* (1829—1861; *pr:* d: génestet), ne tro talentaj, sentimentalaj aŭtoroj, tamen siatempe alte laŭdataj! Preskaŭ samkvalitaj estas *Van de Linde* (1808—1858; *pr.:* lind:), *Heye* (1809—1876; *pr.:* hej:) kaj monsinjoro *Schaepman* (1844—1903 : *pr.:* shapman), kies poezio estas trodolĉa, superpia. Eble la lasta estas ankoraŭ la plej granda el ili, sed pro lia alta posteno en la Katolika Eklezio ne ĉiuj volas lin laŭvalore taksi.

El la prozo mi jam menciis la ĉefverkon de Beets, kiu aperis sub pseŭdonimo Hildebrant. Iom pli melankolian prozon eldonis *Hasebroek* (1812—1896; *pr.:* has:bruk), sed ĉar ĉi tiu en sia verko *Vero kaj Songo* estas tro kontemplacia, li neniam fariĝis populara. Lia kontraŭo estis *Kneppelhout* (1814—1885; *pr.:* knep:lhaút), kiu verkas vigle, gaje, realece.

Malpli longajn rakontojn kaj tial nuntempe pli multe legatajn rakontojn eldonis *Jakobo Cremer* (1827—1880; *pr.:* krém:r) en siaj noveloj pri kamparanoj, kies vivon, animon kaj naturecon li kontraŭmetas al la konvenciaj kutimoj de l' »societo«. Kune kun la personskizado li en unu pentro metas antaŭ sian leganton tre belajn naturpriskribojn: kapablo, kiun oni ankoraŭ dum la moderna tempo alte taksas. Same kiel li la kamparanan vivon, priskizis *Van Maurik* (1846—1904; *pr.:* maŭrik) la urban homon, sed kun malpli granda genio. Tamen li fariĝis tre populara, eĉ ĝis nun.

Sed nuntempe oni sentas ian strebadon antaŭen. *Huet* (1826—1886), per sia psikologia romano *Lidewyde* (1868), rompis ĉian tradicion de antaŭaj tempoj. Poste li eldonas kritikan verkon, kiu kondamnas multajn antaŭulojn (grandparte prave!); malgraŭ ĝia supraja vidpunkto: valora verko, kiu donis al *Multatuli* (pseŭdonimo por *Douwes Dekker,* 1820—1887; *pr.:* multatúli; daŭv:s dék:r) la eblon eldoni verkon tiel akran, ke ĉies kapo turniĝas ĝin legante. Malestimo ĉe li estas absoluta malamo; meza vojo ne ekzistas. Li renversis ĉion, kio ne taŭgis laŭ lia opinio, kritikis ŝtaton, verkistojn, ĉion. Precipe lia verko *Max Havelaar* (*pr.:* maks hav:lar) kaj *Woutertje Pietersen* (*pr.:* vaútertj: pit:rs:n) estas konataj, kaj ĝis nun avide legataj. Li grave influis la postan literaturon.

Jam sekvas baldaŭ sur la kampo de psikologio *Marcellus Emants* (1848—1923; *pr.:* marcellüs émanc), kiu fariĝis la antaŭŝtupo por tute nova skolo de la literaturo. Li tre akre observas kaj profunde analizas la animon. La kolekto »*Homoj*« estas konata pro tio; krome liaj vojaĝpriskriboj estas legataj ankoraŭ de tempo al tempo. Li estas iom tro pesimisma por fariĝi aŭtoro de la ĝenerala publiko.

(Daŭrigota)

## Subita ĝojego

*Hodiaŭ radias la mondo junbrila*
*en fluo de l' bluo serena.*
*Mi volus forpaŝi kun »vivu!« jubila,*
*kun kapo senĉapa, kun koro facila*
*kantante, laŭ vojo sunplena.*

*Kaj iri kaj iri — sen halt' kaj sen celo,*
*kaj miri pri l' belo milbilda;*
*la volon envolvi en ŝelon de l' belo,*
*rideti al alno, brilg'ata pro ŝvelo,*
*kaj esti karesa kaj milda.*

**N. Kurzens**

## Ĉi tio do — la vivo?

*Ne, ne — ankoraŭ io devas veni.*
*Ankoraŭ devas fajri vera tago,*
*ankoraŭ devas nigri vera nokto —*
*ne povas ja de grizo ĉio pleni.*

*Ĉu vere nur por nin al tombo treni,*
*ĉu vere nur por morti ni naskiĝis?*
*Ĉu tio do — la viv'? Ne, ne! Ne eble!*
*Ankoraŭ devas, devas io veni!*

**N. Kurzens**



# OBSERVO

(I.B). MIĤAELO BABITS: LA HISTORIO DE LA MONDLITERATURO. Babits tute forigis la vidpunkton de kompleteco el la plano de sia libro. Li ne volis ĝin konstrui sur la senfina serio de informoj, sed kontraŭe — sur la mankhaveco. Nur tion li volas inventarigi el la mondliteraturo, kio ankoraŭ nun estas viva realo. Anstataŭ jarnombro li donas la *libron de la vivo:* la denombron kaj taksadon de vivaj valoroj. Preterime tiujn, kiuj apartenas nur al la literaturhistorio, sed ne plu al la vivo.

Babits ne traktas la orientajn kulturojn, ĉar laŭ lia sento la mondon de Okcidento nur de malproksime, senforte influis la orientaj kulturoj. Esenco kaj fundamento de la okcidenta kulturo estas la *individueco.* La Malproksima Oriento reprezentas la kolektivan animon. Pro tio Babits ne esploras la grandan kaj riĉan heredaĵon de la Malproksima Oriento. Same li ne zorgas pri la meznivela literaturo, kiu gluiĝas al tempo kaj loko. Lin interesas nur la grandaj individuoj, kiuj respondas unu al la alia tra epokoj kaj landoj. Lia baz-ideo estas, ke nur la plej-granduloj apartenas al la vera mondliteraturo kaj la vera mondliteraturhistorio estas la historio de tiuj »granduloj, kiuj de jarcento al jarcento daŭrigas unu la alian kaj trans la kapoj de popoloj etendas manon unu al la alia«.

Anstataŭ la enciklopedia riĉo Babits serĉas la akran profilon de la individuoj, la linion de la evolu-procezo. Pro tio ekzistas jarcentoj, kiujn nur kvin aŭ ses nomoj reprezentas en lia literaturhistorio. Sed al ĉi tiuj rilatas Babits intime, persone, kaj ĉi tiujn nomojn li starigas antaŭ nin kiel vivajn realojn, kun pura plastiko, en ĉiuj tri dimensioj. Tamen, la libro ne estas lirika aŭ subjektiva, ĉar Babits ja venas en intiman personan rilaton kun ĉiu, kiu pruvis, laŭ objektivaj mezuriloj, ke lia valoro estas daŭra. La eternajn valorojn, la vivantajn valorojn inventarigas ĉi tiu literaturhistorio. Ĉiam kaj ĉie observante la kontinuecon de la mondliteraturo: »Ne ekzistas perfekta originaleco. La mondliteraturo havas komunan lingvon, komunajn armilaron kaj trezorejon. Oni povas doni novan sencon al la vortoj, oni povas fari novajn vortojn, sed per nuraj novaj vortoj oni ne povas paroli.. La mondliteraturo havas rilaton nur al la tute grandaj, kiuj kune estas unu, kiuj estas daŭrigoj unu de la alia, partoj de sola vibranta kurento, kaj kiuj pluvivas en la animoj de ni ĉiuj, kiuj ankoraŭ volas, povas kaj havas tempon por serĉi rekonsciiĝon sur la arbusta Robinsoninsulo de la vivo... Nun, en la tempo de la disfalo de l' eŭropa kulturo, intermito kaj subombriĝo de la homa konscio, eble estos interese ankoraŭfoje noti mallonge, kion ni komencas forgesi, kaj fermi ĝin en botelo por la nekonata estonto.«

Tamen Babits ne sukcesis tiel mallonge resumi la historion de la mondliteraturo, kiel li planis. El la 350 paĝoj tricent atingas nur ĝis la fino de la 18. jarcento. La 19. jarcento estas nur skizeca epilogo kaj la 20. jarcento tute ne estas traktata. Do Babits raportos pri la mondliteraturo de la 19. kaj 20. jarcentoj en dua, nova volumo. Kion en ĉi tiu libro Babits vidis kaj vidigis: tio, trans la limoj de la hungara literaturo, signifas veran valoron en ĉia internacia rilato. Ĉi tiu libro postulas la tradukon en la lingvon de ĉiu granda popolo, ĉar nur al malmultaj sukcesis trarigardi la evoluon de la mondliteraturo el tia alto kaj kun tiel profundsonda rigardo.

Mi ankoraŭ ne parolis pri la stilo de la libro: sed mi pensas, ke estos plej bone prezenti ĝin per traduko de detalo, ekzemple per la linioj, en kiuj li parolas pri Sappho.

»Kia ni nun posedas la mondliteraturon, ties unua granda lirika poeto estas virino. Ankaŭ de Sappho restis nur kelkaj poemoj. Sed el ĉi tiuj malmultaj elflagras flamo. Erato alvenis. Ĉi tie ĉiu vorto estas amo: nura korpo kaj senso, kaj samtempe nura animo. Ŝia fama verso, kiun Catullus kaj Ady postkantis: vera naturalismo. Nenio estas en ĝi, kio rilatus ne al la karno kaj ĝiaj frostotremoj, en la »dolĉa, ridvoĉa« proksimo. Sed vi frostotremas kun ŝi, kaj via tremo estas muziko. Nur virino kapablas tion, en kiu korpo kaj spirito tiel mirinde povas miksiĝi. La kanto de Sappho estas vera virina kanto: simpla kaj dolĉa kaj amara kaj profunda kaj maltrankvila. Kelkfoje facila kiel la kamparana kanto, kaj koketa, kiel la ruĝa pomo sur alta branĉo, aŭ kiel la juna knabino, kies nomon ŝi kantas: *Kléis agapata.* Jen ŝi hejhujadas kun la popolkanto, sentas la ĉambron mallarĝa, la plafonon malalta. Jen ŝi estas ĵaluza kaj tremas, superstiĉe petegas, jen ŝi kuraĝigas sin, virinmaniere, ke ja ankoraŭ persekutos ŝin, tiu kiu nun fuĝas de ŝi... Alifoje ŝi atendas la vesperon, kiu »alportos ĉion«. Alifoje ŝi atendas la matenon, ankaŭ la luno subiris jam, kaj ŝi sola, sola kuŝas sur la lito! Profundaj, sovaĝaj, virinaj sopiroj kaj doloroj siblas el la versfragmentoj. Kaj la plej profunda, plej virina doloro: tiu de la senutila vivo, kiu sen lumo pasas sub la teron.«

GENJI-FEBRO EN JAPANUJO.

Kiel pri ĉio, ankaŭ pri literaturo la modernaj japanoj emas imiti fremdulojn. Kiam en la fino de la lasta jaro aperis neatendite la angla traduko de *Genji-Monogatari* el la plumo de Arthur Waley, subite la ĉefverko de sinjorino Murasaki Ŝikibu fariĝis la fokuso de l' ĝenerala atento. Kvankam la periodo nomata Heian, kiu floris ĉirkaŭ la jaro 1000 precipe en Kioto, la antikva ĉefurbo de Japanujo, havas pli ol unu literaturan dokumenton, ĉiu ekinteresiĝis subite pri *Genji-Monogatari.* La kritikoj pri la angla traduko estas grandparte favoraj, kvankam ne mankas ankaŭ severaj. Oni ne miru pri tio, ĉar la lingvaĵo de l' *Genji-Monogatari* estas tiel malfacila, ke eĉ edukitaj modernaj japanoj ne povas ĝin flue kompreni. Bedaŭrinde, en Japanujo, la instruado de la nacilingvo estas tre malperfekta — laŭ la opinio de famaj *japanaj* fakuloj — kaj tial oni povas supozi, ke baldaŭ neniu plu komprenos la antikvajn, originalajn tekstojn kaj eĉ literaturistoj ilin studos... el angla traduko. Tamen, ĝojiga signo estas, ke lastatempe aperas modernigitaj eldonoj de *Genji-Monogatari,* kiuj igas ĝin alirebla al la granda publiko.

Interese estas, ke la scenmetita Genji-Monogatari estas malpermesita de l' cenzuro pro moralaj kialoj. Efektive, la epoko Heian ne estis puritana, precipe en la altaj sferoj de l' socio. Plej bone oni povas ĝin kompari al la jarcento de Ludoviko XIV, la franca reĝo. Sed sinjorino Murasaki Ŝikibu estis tiel lerta stilisto kaj ŝi posedis tiel altan literaturan talenton, ke »oni malfacile trovus ĉe ŝi frazon kiu ruĝigus bone edukitan junulinon« — laŭ la vortoj de M. Aston (History of Japanese Literature, p. 98).

La *Genji*-febro en Japanujo atingis sian zeniton kiam la eleganta »ĉiovendejo« (laŭ usona modelo!) »Macuja« en Tokio aranĝis... *Genji*-ekspozicion. Ĝuste en tiu tempo, Masajiro Kojima, novelisto kaj kritikisto, profesoro en Keian-Universitato, Tokio, malkovris alian »Monogatari« (rakonto, romano) el la Heian-periodo, kiu povus rivali kun *Genji-Monogatari:* la *Konjaku-Monogatari!* La aŭtoro de tiu ĉi estas malcerta sed la stilo estas komparebla al tiu de Guy de Maupassant, la franca novelisto. La granda anonimulo estis ankaŭ novelisto: liaj hindaj, ĉinaj kaj japanaj rakontoj estas tiom variaj kaj grandkvantaj, ke malfacile estus trovi temon kiun li *ne* traktis. Same kiel la *Genji-,* ankaŭ la *Konjaku-Monogatari* estas ampleksega sed ĝia lingvaĵo estas multe pli simpla kaj eĉ nuntempe komprenebla. Interesa estas la metodo, laŭ kiu naskiĝis la rakontoj: la aŭtoro invitis preterpasantojn por taso da verda teo kaj petis, ke ili rakontu ion. En liaj verkoj respeguliĝas do la kolorriĉa, feŭdale-aristokratia vivo de l' *Heian* epoko, ĉefe en Uji — la fama produktejo de verda teo, eĉ nuntempe, apud Kioto.

Por karakterizi la idearon de l' *Konjaku-Monogatari*, ni nur mencios tie ĉi la temon de unu el liaj *hindaj rakontoj:* lupo, leono kaj leporo kompatis malsatantan kampulon kaj decidante agi laŭ la Vojo de Budho, ili iris serĉi nutraĵon por li. La lupo kaj la leono baldaŭ revenis kun manĝaĵoj, sed la malfeliĉa leporo nenion trovis: li kuris norden, li kuris suden; li serĉadis okcidente kaj oriente, sed ĉio estis vana! Duonmortinta pro malsato kaj elĉerpiĝo, la leporo revenis hejmen ... kaj trovis la maljunulon preskaŭ senviva pro malsato, apud fajro. Senespera, la leporo prenis grandan decidon: li saltis en la fajron por oferi sian propran karnon al la maljunulo. Sed, ho miraklo! — la fajro estingiĝis kaj la maljunulo transformiĝis al serena Budho. *J. Major, Kioto.*

REMEMOROJ DE JAPANA LIGNOGRAVURISTO. »Contemporary Japan«, nova anglalingva periodaĵo aperanta en Tokio, jus publikigis la rememorojn de K. Takamura, la sola postvivanto el la fama trio, kiu lignogravuris en la Meiji-epoko. Li estis profesoro en la Belarta Altlernejo de Tokio dum 30 jaroj kaj li estas membro de l' Imperia Arta Akademio.

En sia interesa artikolo K. Takamura rakontas, ke la moderniĝo de Japanujo komence preskaŭ mortigis la indiĝenan arton. Temploj estis forigataj, la *samurajoj* ruiniĝis kaj nur fremduloj aĉetis plejparte senguste faritajn eburaĵojn ... Sed iom post iom la nacia arto denove vekiĝis kaj nuntempe ĝi denove ekfloras. Tamen, mankas io el ĝi: la spirito. Ne sufiĉas viziti Italujon, skribas la artisto-veterano, oni devas unue kompreni la spiriton de l' nemortemaj artoverkoj troveblaj en Nara, kies muzeo estas ja mondfama. Tie troviĝas la plej grandaj lignogravuraĵoj en la tuta mondo. La artistoj kiuj vivis en la japana Mezepoko estis superhomaj. La nuntempaj budho-statuoj, kvankam tehnike bonaj, estas nuraj ornamaĵoj kompare al la ĉefverkoj de l' antikveco. La kaŭzo estas, ke Budho ĉesis esti objekto de adorado en la okuloj de l' artistoj kaj kolektantoj. La degenero de l' arto estas neevitebla, ĉar nur kredo kapablis produkti la eŭropajn katedralojn kiel ankaŭ la lignogravuraĵojn en Japanujo. Kiam forestas la kredo, forestas ankaŭ la arta genio aplikata al religio. Tio povas esti domaĝa, sed tio estas certe neevitebla.

Tiel konkludas la maljuna artisto. Sed ĉu ni rajtas kondamni la estontecon? Kiu scias, ĉu la plej grandaj artistoj ne aperos ĝuste en la estonto ...

*J. Major, Kioto.*

(X.) ALDOUS HUXLEY: BELA NOVA MONDO. Brilege spritan, satirisman utopion verkis *Huxley*, la plej populara verkisto de la angla literaturo, en tiu ĉi sia libro. Li desegnas la post-mil-jaran estonton de la socio iranta al la maŝiniĝo: la epokon de la maksimuma tekniko, de la amasfelico. En la Centra Kovanta kaj Nerveduka Instituto, artefarite, en boteloj oni fabrikas la hom-seriojn, kiujn per varm- kaj lum-efektoj kaj injektoj oni edukas jam en ilia embria aĝo je certa vivoformo difinita de bezono. Unu homgrupo fariĝos ordinara laboristo, ilian cerbon oni preparas anticipe tiel, ke ili ne povu pensi pli ol necese, alia grupo fariĝos normalaj homoj, kaj la tria — konstruktiva, gvidanta individuo, kiu ricevos unuarangan rolon ĉe la laboro de la »mondusino«. La infanojn oni »kondiĉizas« de la malgranda aĝo: per sugestio oni edukas ilin »feliĉaj«, tio estas kontentaj. La mondo estas stabila; la homoj estas feliĉaj, ĉar ĉiu ricevas tion, kion li bezonas kaj neniu sentas la necesecon de tio, kion li ne povas ricevi ... Ili ne konas la zorgojn de la maljuna aĝo, la malsanon, la mortotimon, ili ne konas la pasion: ili ne havas patron, edzinon, edzon, kiu povus ilin turmenti; ili ne havas infanojn, pro kiuj ili devus timi aŭ koleri; ne ekzistas grandaj amoj, kiuj kirlus la animon de la junularo. Pro la efiko de la kondiĉizo ĉiu kondutas, kiel li ĝuste devas konduti, ĉu vole, ĉu ne vole. Kaj se eble atingus ilin malagrablaĵo, ili havas balzamon: forgesigilon ĉiopovan, sed nemalutilan. Senekzemple interesa, ekscita, amuza estas tiu ĉi romano, en kiu raportas la grandfantazia verkisto pri la vivo de la mondo rigidigita en perfekteco kaj en tiu ĉi kadro li prezentas la tragikecon de la malfeliĉa homo, sopiranta individuan vivon pro »fabrika difekto« kaj la mondon de la »sovaĝ-homoj« vivantaj inter naturaj cirkonstancoj.

(X.) ERNEST HEMINGWAY: ADIAU, ARMILOJ! La juna amerikana ĵurnalisto siatempe sur la itala batalkampo trasuferis la mondmiliton kaj en tiu ĉi sia romano li priskribas proprajn travivaĵojn. Inter la troproduktoj de la milita literaturo meritas atenton tiu ĉi verko, ĉar ĝi montras la aferojn el nova vidpunkto: el la vidpunkto de la senpartia amerikano; homo de fremda mondo, kaj sekve li vidas multajn aferojn multe alimaniere, ol tiuj, kiuj rigardis ilin — tro proksime, kiuj kontraŭvole devis partopreni ilin, ne pro entuziasmo, sporto kaj aventuravido. Spritan, ĉarman, facilan raporton verkas *Hemingway* pri la teruraĵoj de la milito, li neniam havas patoson kaj neniam estas gravmiena. Tamen li konsternas. Kaj ĝuste tio estas lia forto. Kiel li plektas la karesan amidilion inter la terurajn okazaĵojn de la milito, per tio li prezentas tute novan gamon de la suferoj kaj novajn kolorojn de la heroeco, de la sinofero. La malgranda *Catherine,* al kiu enamiĝas la vundita angla knabo, en la nemvole surprenita sufero, inter la kvar muroj de la naskoĉambro altiĝas je heroino kaj tra ŝi sentiĝas la verkisto la tre seriozan kaj profundan penson, sin kaŝantan post la ludema facilemo: la universecon de l' sufero. La aero de tiu ĉi libro tute diferencas de tiu de la nunaj amerikaj romanoj: ĝin plenigas pura kaj alta idealismo. Estas kompreneble, ke ĝi havas trabatan sukceson.

(X.) JAKOB WASSERMANN: LA TRIA VIVO DE KERKHOWEN. La ĉefheroo de la postmorta romano de Wassermann: doktoro Kerkhowen, kune kun pluraj aliaj figuroj, jam estas por ni konata el la romano titolita: *Etzel Andergast,* kiel ankaŭ *Etzel* elpaŝis el la romano *Fall Mauritius.* En Kerkhowen sin mem desegnis Wassermann; pri la malfacilaj stacioj de sia propra vivo li raportas kun amara sincereco kaj ĉion pardoninta leviĝo. Post sia edzeca tragedio doktoro Kerkhowen sin dediĉas tute al la kuracista laboro, kun Krista boneco li sin okupas pri siaj malfeliĉaj homfratoj. Dume li verkas sian grandiozan sciencan verkon. Sed ties manuskripto perdiĝas pro malica hazardo kaj pro la homa senkonscienco, por eterne. La konsterno de la duobla tragiko obsedas nian koron, dum ni sekvas doktoron Kerkhowen sur sia vivovojo. Sed lin mem ne devojigas la duobla sortobato, kies pezo ja rompus ĉiun ordinaran homon: li povas plu resti sur tiu alta posteno, kiun li memvole elektis kaj por kiu lin destinas liaj neordinaraj kvalitoj. Li fortike staras sur la alto de sia profesio kaj en svenigajn profundojn de la animo li sublasas sian sondilon. Sed li ne nur konstatas faktojn, sed serĉas kaj trovas interrilatojn, faras fin-pensitajn deduktojn, kaj konstruas noblan, spiritan filozofion — kiel konkludon de sia vivo. Kvazaŭ en la animo de Wassermann, ĉe la sojlo de l' morto, estus malfermiĝinta la pordego de senfinaj perspektivoj; ŝajnas: li trovis, kion li serĉis en ĉiu sia skribo tra la tuta vivo. La harmonion. Dion.

**Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro**

*ascendi:* supreniri; *bohemo:* artisto facilanima, fantazie vivanta en gaje portata mizero; *brutala:* bruteca; *damni:* inferkondamni, malbenegi; *enorma:* supermezura; *morna:* preme malhela, malgaja; *orgojlo:* malhumilo; *rakurso:* mallongigita prezento de korpoj en bildo por reliefigi la perspektivon; *spuro:* postsigno; *trado:* regulaj traoceanaj ventoj; *trampo:* ĉifonulo, malzorgita vagulo; *trista:* malgaja.

